# BRAZILA ESPERANTISTO

Oficiala Organo de Brazila Esperanto - Ligo - 91ª Jaro - Nº 309 - Decembro 1999



BRAZILA ESPERANTISTO

91-a Jaro - Decembro1999
N-ro 309 (trimonata) - Trimestral
Oficiala Organo de Brazila Esperanto-Ligo
SDS - Edif. Venâncio III, Sala 409
Brasília, DF
Caixa Postal 3625
70084-970 Brasilia, DF (Brazilo)
Telefono (061) 226-1298
Fakso (061) 226-4446
Internet: bel@esperanto.org.br
Hejmpaĝo: http://www.esperanto.org.br
Kompostado, presado, Grafika aranĝo
Gráfica Altamisa
Eldonkvanto: 2000
Redaktantoj, aranĝoj, maketo:
Symilde Schenk Ledon
Gilbert René Ledon
Caixa Postal 269
12460-000 Campos do Jordão, SP - (Brazilo)
Telefono-Fakso: (012) 262-1983
e-poŝto: ssledon@iconet.com.br
**La redaktantoj ne nepre konsentas kun la enhavo de subskribita artikolo**

BRAZILA REVUO ESPERANTISTA
Fondita en 1907
BRAZILA ESPERANTISTO
Fondita en 1908
de Alberto A. Vieira
Reynaldo Geyer
Everardo Backheuser
Pri abonprezo, anonctarifo k.c. skribu al BEL
Pri kunlaboraĵoj k.c. skribu al la redaktejo


# ENHAVO



# KOVRILPAĜO

## EFEMERIDOJ



-Astronomiaj tabeloj sciigantaj la pozicion de la planedoj por ĉiu tago de la jaro;
-Faktoj okazintaj en determinitaj tagoj de la jaro.
-Verko kiu entenas la okazaĵojn depende de kalkulo kaj antaŭvido dum la jaro.
- Libroj kiuj indikas la okazintaĵojn en la sama tago de la jaro dum malsimilaj epokoj.
-Titolo, kiun oni donis pasintece al verkoj kiuj rakontas tagon post tago, la vivon de persono.
- Notlibro kie oni registras la ĉiutagajn faktojn.
-Registro ĉiutaga de historiaj okazintaĵoj aŭ faktoj alispecaj.

## KION PRI LA EFEMERIDOJ DE LA ESPERANTA INSIGNO EN SIA HISTORIA PERIODO?

1892 - Komence la signo estis nur sur papero (presaĵoj, leterpapero, ktp.). En tiu jaro en malnovaj n-roj de "E-isto" kelkfoje aperis proponoj kaj cititaj faktoj pri tio ke jam ekzistis vizitkartoj aŭ kovertoj kun surpreso **E-isto aŭ E**, kiam estiĝis propono ke ĉiu esperantisto portu ian signon.
1893 - Aperis proponoj pri "breloko" portata sur la ĉeneto de la poŝa horloĝo, aŭ apud la... nazumo (pince-nez). L. de Beaufront konsilas ke entute ĉio, kio tuŝas nian aferon, havu verdan koloron kaj portu supre stelon.
1895 - Pretigo de verdaj kovertoj kun ora stelo Esperanto.
Dum la Unua E-Konferenco en Calais, Dover, estas propono de s-ro Pourcine por enkonduko de unu komuna signo E-ista, nome la verdan stelon, kiam ĉiuj aliaj ĝistiame koncernis alikoloran, eĉ nigran.
1906 - "...oni akceptas kiel universalan E-an flagon, la flagon de Boulogne-a Grupo (verda tuko) longa je 1.20m. kun maldekstra supra angulo blanka (0,50 x 0,50) kaj sur tiu ĉi blankaĵo, verda stelo."
1912 - El letero de Zamenhof: " Pri la deveno de nia verda stelo mi nun jam ne memoras bone: Ŝajnas al mi, ke pri la verda koloro iam atentigis min s-ro Geoghegan kaj de tiu tempo mi komencis eldonadi miajn verkojn kun verda kovrilo (la atentigo estis tute senintenca). Pri unu broŝuro, kiun mi tute hazarde eldonis kun verda kovrilo, li rimarkigis al mi, ke tio estas la koloro de lia hejmo, Irlando; tiam venis al mi en la kapon, ke ni povas ja rigardi tiun koloron kiel simbolon de Espero. Pri la kvinpinta stelo, ŝajnas al mi, ke unue ĝin presigis sur sia gramatiko s-ro Beaufront. Tio plaĉis al mi kaj mi prenis tion kiel signon. Poste per asociado de la ideoj aperis stelo kun verda koloro". Ĉar tiu enunciado aperis nur en 1912, ni ne miru kial ankaŭ Z. ne memoris klare kaj pri ĉio skribas aŭ: " ŝajnas al mi" aŭ tute senpersone: "aperis stelo..."

# ESPERANTO: LINGVO KAJ KULTURO

Floriano Pessoa *

1. El la elementoj karakterizaj de ĉia popolo aŭ homa kolektivo, nome, etno, deveno, vivloko, geografia distribuo, tradicio, moroj, lingvo kaj kulturo estas fundamente gravaj.

2. La koncepto de lingvo estas sufiĉe konata: "sistemo por esprimado de ideoj per parol-sonoj kombinitaj por formi vortojn kaj frazojn". Sed ĉu same klara estas la koncepto pri kulturo?

3. La vorto kulturo havas plurajn signifojn, inter ili:

3.1.La iama latindevena signifo "prizorgado de la grundo", kiel ĉe la vorto terkulturo.

3.2.La figura senco: "prizorgo, flegado de la spirito, pliklerigo".

3.3.Laŭ sociologia vidpunkto, kulturo estas "la tuto de la ideoj, idealoj, sciencaj aŭ empiriaj konceptoj kaj scioj, moroj kaj artismaj kreaĵoj" de grupo.

3.4.Por antropologoj, ĝi signifas "la aron de vivstiloj, materiaj aý spiritaj, de iu grupo".

4. Mi proponas, por nia debato, elekti jenan difinon de kulturo:

KULTURO ESTAS LA KOLEKTIVA NEHEREDITA SCIARO AMASIGITA, KONSERVITA KAJ TRANSDONITA FARE DE LA DIVERSAJ GRUPOJ DE LA HOMA SOCIO".

5. Por ankoraŭ pli klare bildigi al ni la signifon de Kulturo, mi aldonos, ke:

5.1.Kulturo estas fundamente komuneco de konceptaro, kaj tion oni ofte nomas ideologio.

5.2.Pro tio, ke ĝi estas kreita kaj disvastigita per edukado konscia kaj nekonscia, kaj ne apartenas "nature" al la novnaskito, la kulturo estas artefarita.

5.3.Kulturo do estas sento de grupa komuneco, kiu baziĝas sur tradicio reala aŭ perforte kreita, kaj esprimiĝas pere de produktaĵoj artaj, inter kiuj la lingvo ludas gravan rolon.

5.4.Kulturo estas la sumo de la karakterizoj diferencigantaj unu homgrupon de la ceteraj.

6. Nun, ĉar ni jam sufiĉe konas la konceptojn de lingvo kaj de kulturo, ni povas diskuti kelkajn demandojn pri la temo, ekzemple:

6.1.Ĉu povas ekzisti lingvo sen kulturo? Ĉu ekzistas kulturaj kaj ne-kulturaj lingvoj?

Jen la opinio de eminentuloj de la esperanto-movado:

6.1.1.-"Ĉar lingvo kaj kulturo estas nedisigeble ligitaj, "nura" lingvo sen fono kultura estas io, se teorie konceptebla, tamen praktike neebla. Se tiu tezo estas prava, Esperanto aŭ esprimas kulturon aŭ ĝi tute ne estas lingvo". (William Auld).

6.1.2.-"Lingvo tutsimple ne povas esti memstara, senemocia eksterhomaĵo aŭ natura fenomeno, ĉar ĝi estas ne disidigeble ligita al la homo;sen la interveno de la homa menso, ĝi simple ne havas ekziston".(sama)

6.1.3. - Oni ofte parolas pri "lingvoj kulturaj". Tio signifas, kompreneble, lingvoj uzataj de homoj kulturaj.

Ĉiu lingvo estas precize tiel kultura, kiel la plej kulturaj homoj, kiuj ĝin uzas por siaj celoj. Ĉiu lingvo spegulas la vivmanieron de la grupo aŭ grupoj ĝin uzantaj. Ju pli kompleksa estas tiu vivmaniero, des pli vastaj estos la esprimrimedoj de la lingvo koncerna. Se oni diras, ekzemple, ke oni ne povas diskuti la atomfizikon pere de certa lingvo, tio informas nin ne pli ol, ke la atomfiziko estas temo nekonata al la parolanta homgrupo, kies lingvo ĝi estas". (sama)

6.2.-Ĉu eblas sennacia kulturo? Ĉu do vere ekzistas Esperanta kulturo? Kio karakterizas ĝin?

6.2.1. "Unu homo povas posedi samtempe du kulturojn, tiom pli, se unu el ili estas internacia, kondiĉe, ke li regas la du lingvojn aŭ idiomojn koncernajn; kaj kulturo sennacia povas esti tiel same kolorplena kiel kulturo nacia, depende de la homoj ĝin posedantaj. La uzantoj de Esperanto estas, laŭ la plej vasta senco de la vorto, homoj kulturaj. Tio estas, ili posedas, apud la kvalitoj kaj kutimoj de sia nacia aŭ rasa grupo, ankaŭ kvalitojn kaj kutimojn tuthomarajn. (W.Auld).

6.2.2."La esperanto-movado estas ne nur lingva, sed esence kultura, kun propra historio kaj tradicioj. La portantoj de tiu kulturo estas diversnaciaj homoj uzantaj komunan lingvon". (Ivo Lapenna).

6.2.3."La samaj personoj –certe ankoraŭ ne multe nombraj– kiuj pro tio ne ĉesis esti apartenantoj de sia nacia aŭ regiona lingva komunaĵo aŭ de kiu ajn alia kungrupiĝo, manifestas plian aspekton de sia socia personeco: la apartenon al la homaro. En tiu aspekto, ili reale formas tiun monde internacian socian bazon sur kiu kuŝas la Internacia Lingvo. (Lapenna).

6.2.4.-"Estas grave konstati, ke laŭ unu grava vidpunkto, Esperanto malsimilas ĉiujn aliajn lingvojn, nome: per sia ekzisto mem ĝi supozigas kulturan dulingvecon". (Auld).

6.2.5.-"Esperanto ne dependas de loko, kaj efektive ŝajnas al mi, ke ankaŭ la naciaj lingvoj ne dependas de loko, sed jes de la socia medio: kaj socia medio, kiu spirite ampleksus la tutan mondon, nature rezultigus – kiel ja fakte okazis pri Esperanto – tutmondan kulturon. (Auld).

6.1.6.-La kulturo de la Internacia Lingvo estas inkluziva kaj ne ekskluziva. Ĝi estas inkluziva, ĉar ĝi ne celas esprimi la apartaĵojn de iu grupo, sed ĉion, kio estas komuna al ĉiuj homoj en ĉiuj mondpartoj, ekzemple: malsato, amo, kolero, aspiro, morala sento, timo, amoro – fundamentaj karakterizoj. Sur tiuj universalaj kvalitoj la koncepto mem de kultura universaleco fondiĝas, kaj ili formas la bazon de kulturo universala, kies esprimilo natura kaj taŭga estas Esperanto. (Auld).

**7.** Pri la ĉefaj aspektoj kaj subteniloj de la Esperanta Kulturo, mi simple preterpase mencios kelkajn el tiuj elementoj: Literaturo, Bibliotekoj, Eldonejoj, Muzeoj, Kulturaj centroj, Universalaj Kongresoj kaj ties aranĝoj, ekz. kongresa sistemo, teatro, radio kaj televidprogramoj, inter-reto, Belartaj kaj oratoraj konkursoj, Delegita reto, Centro de Esploro kaj Dokumentado, kaj pluraj aliaj.

8 - Konkludo:

Ni finu per jena admono de William Auld: "Ni devas defendi kulturan diversecon kontraŭ atencoj de la tiel nomataj grandaj lingvoj, kies posedantoj pli aŭ malpli konscie aspiras ian lingvan hegemonion... same kiel ĉionvendejoj iom post iom bankrotigas la kvartalajn butiketojn, tiel la grandaj lingvoj malaperigadas, pli aŭ malpli rapide, la lingvojn –kaj pro tio grandparte la kulturojn malgrandajn. En preskaŭ ĉiu parto de la mondo ni povas rimarki minoritatajn etnajn grupojn, kiuj estas devigataj submetiĝi al la lingvo kaj kulturo de pli potencaj najbaroj, pro kaŭzoj politikaj kaj ekonomiaj".

Kaj al la antaŭjuĝoj kontraŭ la Esperanta kulturo, ni kontraŭmetu jenan konkludon de tiu sama aŭtoro: "kiel pruvas tre multaj ekzemploj, homo prudenta povas, en kutura senco, sen skizofrenio, esti samtempe naciano kaj mondano. Sian naciecon oni esprimas per nacia lingvo, sian mondanecon per Esperanto".

(*) *Teksto grandparte kompilita el jenaj verkoj: 1) W.Auld, "Kulturo kaj Internacia Lingvo"; 2)Ivo Lapenna kaj aliaj: "Esperanto en perspektivo"; 3) Gladstone Chaves de Melo, "Origem, formação e aspectos da cultura brasileira"* •

# PRIPENSANTE KROKODILOJN

*Werner Schad*

Sendube estas dezirinde, ke kiel eble plej da homoj parolu nian lingvon. Tamen ni pripensu: kiu procentaĵo havas la inteligenton, mensan disciplinon, lernemon kaj volan forton por atingi tian nivelon? Certe ne ĉiuj, kiuj komprenas la utilon kaj gravecon de Esperanto. Ĉu konvenas, ke ni rezignu pri ties apogo en nia afero? Tute ne!

Ni urĝe bezonas la helpon de ĉiuj, kiuj disponas pri bona volo favore al nia celo. Do, ni ne fortimigu ilin! Iliaj simpatio kaj monaj rimedoj plifortigas ja niajn klopodojn. Multaj bonvoluloj jam forfuĝis el niaj vicoj kaj grupetoj, ĉar oni puŝis ilin tro malpacience, ke ili parolu nian lingvon. Do ni instigu en niaj kunsidoj al pli da toleremo, pli da kompreno.

Tiuj, kiuj neniam lernis fremdan lingvon, ofte ne konscias pri kiom da vola forto kaj sindediĉo postulas la akiro de tiom valora scio. Iom post iom ili alkutimiĝu al tia realo! Ridindigi kaj malŝateti ilin, kiel "krokodilojn" ne utilas al niaj intencoj. Multe da simpatiantoj estas bonvenaj por ke nia movado prosperu kaj atingu la "kritikan mason".

En ĉiuj niaj rondoj kaj kunestadoj ni trovas kernon da esperantistoj, kiuj regas la lingvon. Aliaj ĝin balbutas iom. La tria kategorio eble scias nur kelkajn vortojn, sed ili ŝatas la ideon kaj la etoson. Tiujn lastajn oni povas konduki iom post iom al la dua, eĉ al la unua nivelo, se oni partoprenigas ilin tre prudente. Konsekvence ni estu flekseblaj! Tro da rigoro malmultigas niajn vicojn, prudenta fleksebleco plimultigos ilin. Inter tiuj, kiuj regas la lingvon, sendube konvenas, ke ili ĝin uzu, kiel eble plej. Ĉu ni ne povas lerni de mezepokaj metiistoj kaj framasonoj? Ili sin dividas je majstroj, kunuloj kaj lernantoj. •

# LA LIBRO

*Fabrício Valle*

**Historio de la Esperanto-libro**
**La libro kaj Esperanto**

Verŝajne Esperanto estas la nura vivanta lingvo, kiu naskiĝis el libro. Nur tiu ĉi fakto sufiĉas por garantii treege gravan rolon por la libro kadre de la historio de nia movado, kvazaŭ la libro ne havus tian rolon ankaŭ kadre de ĉiuj naciaj kulturoj. Tamen, ĉe ni la libro aparte rolas, ĉar temas pri vehiklo de transnacia lingvo, kio per si mem eksterordinarigas la tuton.

Nu, post la lanĉo de la unua libro, fare de Zamenhof, lavango de tradukoj ekbrilis sur la historia fono de Esperanto: estis la pioniroj en sia strebado pruvi al la mondo la taŭgecon de la genia zamenhofaĵo. Unu post la alia enbretiĝis pluraj perloj, kiujn ni provos retropaŝe prezenti ĉi rubrike. Ni komencos en la venonta numero de Brazila Esperantiso per la Unua Libro.

**Politiko de la Esperanto-libro**
**Libruloj serĉataj**

Okaze de la lasta brazila kongreso de Esperanto mi kunordigis kunsidon sub la temo **Por politiko de la Esperanto libro**. Tiam mi proponis al la ĉeestantoj la starigon de laborgrupo por pritrakti la ellaboradon de politiko por la esperanto-libro en Brazilo. La celo de tiu politiko estos prezenti en ĝeneralaj taksoj gvidlinion por la agado nia sur la kampo de la libro, sub ĉiuj aspektoj, ekde taŭga pritrakto de eldonindaĵoj kaj zorgoj pri tradukado ĝis elpensado de strategio por plej efika surmerkatigo de la brazilaj esperanto-libroj en la internacian merkaton.

Nu, estas serĉataj libruloj por ĉiu celo de la eldon-industrio: instruistoj de Esperanto, kiuj agadu, kiel lego-instigantoj ĉe sia lernantaro, tradukistoj, kiuj intense liveru tradukaĵojn, libroservistoj ĉe ĉiu esperanto-organizaĵo en nia lando, privataj eldonistoj kaj e-gvidantoj pretaj eklabori eldonentreprene. Ĉiuj estas invitataj partopreni la ellaboron de ampleksa laborprogramo por la esperanto-libro disde nia agado en Brazilo. Se vi troviĝas inter tiuj, kiuj volas partopreni tiun



formiĝantan laborgrupon, nepre petu la portugallingvan dokumenton **Por uma política do livro esperantista**.

Per ĝi vi kontaktos la startigajn ideojn de nia agado. Bonvolu direkti vian peton al mia korespondadreso: Fabrício Rodrigues Valle, SQS 211 Bloco D Ap. 605, Brasília-DF, CEP 70.274-040.

**Esperanto-libro en la praktiko**
**Libroservoj malabundas**

Estas atentinda - kaj priplorinda - la fakto, ke en Brazilo preskaŭ neniu loka organizaĵo havas libroservon. El ĉiuj federaciiĝintaj provincaj asocioj nur du havas tre aktivan libroservon, nome Esperantista Asocio de Rio de Ĵanejro kaj Esperanto-Asocio de San-Paŭlo. Krome, estas la ekaktivanta libroservo de Bahia Esperanto-Asocio.

**Bunte pri la libro**
**Libroj kaj vero**

La rok-bando Merlin en sia unua KD en Esperanto prezentas muzikon, cetere belan muzikon, kiu priparolas libron kaj veron. La tekston verkis Markone Froes. Ĝuu ĝin.

Ne ĉiuj libroj diras la veron
Ĉar vero neniam skribiĝis
En ĉiuj libroj
Ne ĉiuj libroj diras la veron
Ĉar la vero neniam skribiĝis
En la historiaj libroj
Kaj la homoj ploras do, pro timo pri mallumo
Kiu envolvas iliajn animojn, en mezo de malsaĝa milito
Kaj la homoj ploras, pro timo pri malcerteco
Kiu antaŭas iliajn elektojn, en mezo de malsaĝa vivo
Ne ĉiuj libroj diras la veron
Ĉar ili ne estis tie, kiam ĉio okazis
Ne ĉiuj libroj diras la veron
Ĉar la vero neniam skribiĝis
En la historiaj libroj
Kaj la homoj ploras do, pro timo pri la mallumo
Kaj la homoj ploras do, pro timo pri malcerteco
Kaj la homoj ploras do, pro timo pri neniam skribitaj veroj
Ĉar la vero neniam skribiĝis
En ĉiuj libroj neniam skribiĝis
En ĉiuj libroj, en ĉiuj libroj
En ĉiuj libroj, en ĉiuj libroj. ●



# EĤOJ

Kroniko

*Maria Almada*



Finiĝis la 84-a Universala Kongreso de Esperanto en la ĉefurbo de Germanio, Berlin.

Ĝi estis la antaŭlasta UK en la Dua Jarmilo. La lasta UK okazos, dum la venonta jaro en la urbo Tel-Aviv, Israelo. Laŭ la kalendaro, venontjare finiĝos ne nur la Jarcento, sed la Dua Jarmilo; ankaŭ kaj evidente komenciĝos la III-a Jarmilo, sed kion ĝi alportos al la homaro, estas mistero.

Rerigardante en la pasintecon, estas rimarkeble, ke okazis multaj malutilaĵoj kaj multaj utilaĵoj, eluzeblaj por la homaro. Reeĥas la dura realeco el tiu pratempo.

Laŭ la legendoj, kiuj postrestis el tiu epoko, estas rimarkinde, ke komenciĝis la Kristana erao, pro Kristo mem, kaj ŝajne sur la teritorio de la nuna Israelo. Kristo, sola kuraĝis, en sia tempo, kontraŭstari kaj alfronti, la politike kaj ekonomie fortajn tiranojn, defendante la malriĉajn suferantojn. Pro lia aŭdaco Li suferis mortpunon, sed postlasis por la homaro, kuraĝigan ekzemplon kaj la kristanismo evoluis kaj kreskis ĝis nun.

Intertempe estis forpelita la juda gento el la nuna Israelo. Ili restis senteraj kaj dispersiĝis tra la tuta mondo. El tiu epoko restis al ni nur legendoj kaj duboj. La plej fama urbo tiam estis Jerusalem kaj ĝis nun restis famega.

Ĉe la fino de la I-a Jarmilo kaj komence de la II-a, certe estis la plej fama urbo, Romo. Tiu tempo alportis diversajn popolojn al nuntempa Eŭropo. Triboj migradis, venintaj el Azio kaj celis okupi novajn teritoriojn. Ilia okupiĝo estis la fiŝkaptado, ĉasado kaj militvagado. Ili priŝtelis la tiaman loĝantaron, okupis iliajn kampojn kaj forpelis ilin. La homaro timegis la sovaĝajn kaj danĝerajn hordojn, kiuj minacis eĉ Romon, kie tronis la tiama Papo. La Papo, por reteni la arojn de invadoj, kunvokis la ĉefojn de la triboj, por konferenco, promesante al ili helpon kaj diversajn titolojn. La ĉefoj de la sovaĝaj triboj iĝis reĝoj, nobeloj kaj sanktuloj, pere de la beno de la Papo, sed ili devis promesi, ke ili retenos siajn tribojn en iu loko kaj ĉesos militvagadi. Tiam formiĝis ŝtatoj, ŝtatestroj kaj aliaj titoloj naskiĝis. En tiu mondordo, la urbo Romo havis grandan rolon, kiu ne ĉesis ĝis nun.

Komence de la III-a Jarmilo, la plej fama urbo, sendube estas la ĉijara kongresurbo, Berlin. Okaze de la Dua Mondmilito ĝi estis detruita, rekonstruita, dividita, reunigita kaj ĝi denove iĝis ĉefurbo de Germanio. Tiu grava urbo estas larĝa, longa, ebena, en ĝi nur la homa sufero kaj veoj montriĝis. Ĝi ŝajnas grandega kaj belega korpo, plena je vundoj kaj sennombraj cikatroj, lante resaniĝantaj. Ĝi impresas pere de sia tristo kaj la fama Brandenburga Pordego, ŝajne, amare plorĝemas en la sunlumo de la vesperiĝo. En ĝi svarmas la tutmondaj migrantoj.

Por ni, esperantistoj, estas memorinda hazardo, ke la antaŭlasta UK de la Dua Jarmilo, okazis ĵus tie kaj la lasta okazos en Israelo. Ĉu Zamenhof tion antaŭvidis? Kian veran signifon havos la internacia idiomo en la venonta jarmilo, estus interese scii. Laŭ la legendoj, la Babelturon ne eblis finkonstrui, ĉar la homoj ne komprenis unuj la aliajn, ĉu Esperanto unuigos la homaron dum la venonta Jarmilo ne eblas diveni.

En Israelo kolektiĝos homoj el la kvin kontinentoj, por la 85-a UK, parolante nur la Internacian Idiomon kaj la Juda gento reen migras, post du mil jaroj, al iama patrujo. Ŝajne la homaro neniam ĉesos migradi. Ili

jam eltrovis novajn kontinentojn, kiuj faciligis trovi novan teron, sed la nombro de la gentoj kreskis timige intertempe, tio estas konata al ni.

Kio okazis dum la lasta centjaro al ni estas bone konata. Ni vivas en tiel nomita moderna epoko. Rimarkindaj estas la du Mondmilitoj kaj la interbataloj de diversaj nacioj kaj rasoj, la senespera migrado nuna. La aperintaj malsanoj, la detruo de la naturo, la malriĉeco kaj malamo al Dio kaj homoj. Sed la naturo kruele reagas, kion la homaro pro sia egoismo eĉ ne rimarkas. La tempestoj kaj tertremoj oftas. La uraganoj kaj fortaj pluvoj, dum sekundoj, subakvigas ĉiun modernan elpensaĵon.

Antaŭ kelkaj jardekoj estis anoncite, ke ni jam surgrimpis la surfacon de la Luno. Eke de tiam oni, senhalte produktas multkostajn kapsulojn kaj enpafas ilin en vakuon, por des pli polucii la atmosferon, ĉar la homaro, kiu fakte financas la "sciencon", ĝis nun nenian bonhavon akiris. La elspezita mono, eble helpus restarigi la detruitan naturon, malgrandigi la mizeron sur la surfaco de la Terglobo. Kion signifos tiuj esploroj por la futuraj generacioj, en la alveninta Jarmilo? Estas por ni nekonata afero. Pensu ni ĉiam je futuro kaj batalu por ĝi, ĉar... la estonteco apartenas al la venonta generacio. La vivo estas senmorta fenomeno de la eterneco.

Ĉe la fino de la III-a Jarmilo, kian opinion havos la tiama homestaĵo pri ni? Ĉu tiam ĉiuj parolos esperante? La duboj restas, la vivo daŭras, dum la Terglobo, monotone rotacias ĉirkaŭ sia akso. •

## *LA REVO*

De nekonata aŭtoro

Kio estas tiu nova sento,
kiu flugas per facila vento
kiel veko al dormanta mond' ?
Kio estas tiu forta voko
kiu eĉ en tre foreca loko
kaptas korojn por la frata rond'?

La patrino kun espero ĝerma
ekkaresas al la eta fil' :
Ĉu ne krakos plu milit' eksterma?
Ĉu por ĉiam pendos la fusil' ?

La soldato, kiu funde revas
premi manon trans pikdrata lim':
Eble fine do mi ne plu devas
esti kulpa en la granda krim' !

La proleto ĉe l'kontor-angulo,
ĉe la maŝino kaj sur la kampar':
Jen jam ĉesis rajto de l'klerulo
sola pozi trans la lingva bar' !

La poeto kun inspiro nova
verŝas perlojn el ŝvelita kor':
Jen miraklo! Lingvo ĉiopova!
Lingvo kun la poezi-odor' !

Ĉiuj rasoj, ĉiuj haŭtkoloroj,
restu garde ĉe la nova sent'!
Nur se vivos ĝi en niaj koroj
estas savo por la homa gent'! •

# TRANSGENA AFERO

*Otto Vaske*

Se kiam vi havos ŝancon pridiskuti la temon en kunsidoj, jen valora bazo defendinda, laŭ asertis la usona sciencisto John Fagan, en Seminario okazinta septembre/99, en Estejo-RS: enmeto de transgenoj en naturajn genojn, povos kaŭzi rezultojn ne antaŭvideblajn en la metabolo, organoj de homoj, animaloj kaj plantoj, pro la komplekseco de la interagoj. Fagan referis ankaŭ al FDA=organizaĵo, kiu en Usono kontrolas nutraĵojn kaj medikamentojn. Li diris, ke FDA ne devigas garantian teston por manĝaĵoj; ĝi postulas nur memvolajn testojn far la entreprenoj. – Por fini Fagan komentis la supozajn bonaĵojn kredititajn al DDT, en 1947. Tiutempe ĝiaj teruraj konsekvencoj por la homoj estis ankoraŭ ne konataj, kies mortigaj toksinoj fariĝis konataj nur 20 jarojn poste. – Kulpas la avido, facile gajni monon. Oni emas diskonigi avantaĝojn sed kaŝi problemojn, kiuj akompanas la novaĵojn. Malantaŭ la tuta afero staras la organizaĵo MONSANTO, kun ĉ. 30 asociaj entreprenoj, kiuj vendas semojn, kies produktaĵo donas semojn sterilajn. Tiumaniere la agrokulturisto estas devigata ĉiujare aĉeti novajn semojn de tiu internacia organizaĵo. •

# RECENZOJ

*José Dias Pinto*

**Kolekto Teknikaj Kajeroj:**
**Hermetikaj Pumpiloj – Por mediprotektado**
**Ikaro ne sonĝis – Kial aviadiloj flugas**
**Aŭtoro kaj eldonanto: Gilbert R. Ledon**
**1999-32 kaj 28 paĝoj-USD 4,00.**

La homoj konsumas la plejparton el sia tempo hejme kaj laboreje. Principe tiuj devus esti la medioj pri kiuj ĉiu kapablas paroli pli spontane flue. Laŭsupoze ili estas la lokoj kaj temoj al ĉiu pli intimaj, al kiuj oni dediĉas aŭ kiuj rabas de ĉiu la plejmulton el ties atento.

Ŝajnas tamen, ke tio ne tute veras kiam temas pri ni, esperantistoj. Malmultaj el ni kapablas flue, senhezite, senhelpe de la nacia lingvo paroli pri siaj hejmaĵoj kaj profesiaĵoj. Nomoj de manĝiloj, kuiriloj, manĝaĵoj, fruktoj, legomoj kaj spicaĵoj, maŝinoj, aparatoj, instrumentoj, materialoj kaj ties proprecoj, grandoj, mezurunuoj, estas al ni apenaŭ konataj.




La malmultaj libroj pri tiuj temoj estas aĉeteblaj eĉ jardekojn post ilia publikigo, malgraŭ la malgranda eldonkvanto – ĝenerale inter 500 kaj 1000 ekzempleroj.

Elstare ekzempliga pri tio estas la kazo de la libro ***Fine mi komprenas la radion***, publikigita en 1936. Tridek jarojn poste mi acetis ekzempleron, pro la informo ke ĝis tiam oni estis jam tradukinta la verkon en dudekon da naciaj lingvoj kaj en kelkaj el ili publikigitaj pluraj eldonoj. En 1970 mi donacis mian ekzempleron al Rudiger Eichholz – iĝonta direktoro de la Terminologia Centro de UEA – ĉar li interesiĝis pri kaj ne povis trovi la libron.

Konsidere tion des pli laŭdindas la kuraĝa spitemo de la aŭtoro kaj eldonanto Gilbert René Ledon, jam en la numero 5 de siaj ***Teknikaj Kajeroj***. Estus bonvena la kontribuo de aliaj al la kolekto, antaŭ ol la temoj aŭ la mono de Ledon elĉerpiĝos, eĉ se liaj scioj estas enciklopediaj kaj lia poŝo malavara.

Bone se tiuvoje tiu kolekto povus iam iĝi iuspeca peresperanta ***Enkonduko en la Teknologion***. Ni ja vivas en mondo pli kaj pli influata de teknologio kaj ne povas konduti kaj pensi kvazaŭ ni vivus antipode de ĝi.

Kvankam ankaŭ mi estis, dum multe




da jaroj, profesie en kontakto kun multe da mekanikaj teknikaĵoj, mi ne konis la internan funkciadon de hermetikaj pumpiloj. Impresis min ĉefe la maniero, kiel oni uzas la pumpatan materialon por esti samtempe lubrikaĵo kaj malvarmigaĵo de la aparato. Kaj entute la teknikaj solvoj por la problemo pri likado, eĉ se por ili oni devis enskatoligi la rotatoron kaj do meti vandon de la skatolo en la interferaĵon, la spaco inter la statoro kaj la rotoro.

Eble ĉar la fabrikado de hermetikaj pumpiloj apartenis al la panakira agado de la aŭtoro, li traktas la aferon teknikece serioze, tamen kun alireblo ankaŭ al laikuloj kun baza scio pri interpretado de desegnoj kaj simplaj matematikaj formuloj. Kiel konvenas al enkonduko en teknikan temon.

Pri aviado, al kiu li sin dediĉis por sporto kaj vivoĝojo, la aŭtoro permesas al si iom pli leĝere paroli

kelkfoje, eĉ spriti. Ja la temo estas pli atentokapta por la plejparto el la homoj, ĉar, laŭŝajne, en nia infaneco, preskaŭ ĉiu el ni, en siaj sonĝoj, flugis, eĉ se ne same ofte kaj ĝue kiel la aŭtoro.

Eble al brazilanoj ne plaĉos legi, ke Santos Dumont estas ne ***la*** patro de aviado, sed ja nur ***unu*** el la patroj. Kompense ili ne bezonos, se ili emos al flugado, provi flugi per flugobiciklo, ĉar en la libro estas matematike pruvite, ke tio ne eblas. En ambaŭ libroj oni sentas optimismon kaj fidon pri la homaj mensaj kapabloj kaj ankaŭ ian personan prudentan kaj stimulan memfidon.

Jen bonaj legaĵoj por scivolemuloj pri teknikaĵoj kaj por tiuj, kiuj volas larĝigi sian prilingvan scion koncerne al teknologiaj aferoj, des pli ĉar tion oni povas fari gvidataj de optimisto pri la homaj kaj esperantaj kapabloj. •

# HUMURO

En luska trinkejo la gastejestro preterpasis tablon, kie kelnero ricevas mendon por kelkaj gastoj. Tiam la gastejestro perceptis jenan frazon de la kelnero:

*- Jes, bedaŭrinde tre longe estas de kiam ni havis tion.*

La gastejestro alvokis la kelneron, abrupte akcentante, ke tiel oni absolute ne rajtas diri. Eble oni povas diri, ke ĝi ĵus elĉerpiĝis. Cetere, kio tio estas, kion ni ne havas de antaŭ longe?

*- Sunbrilon, gastejestro, sunbrilon.*

# RUZAMUZA PROJEKTO

*May Bijleveld*

## GESAMIDEANOJ, HONTIGU LA NE-ESPERANTISTOJN!

Ĉu vi jam ĉeestis internaciajn kongresojn, esperantajn kaj neesperantajn? Ĉu vi rimarkis la diferencon? Kie oni perdas multan tempon kaj monon pro parolaj kaj skribaj multlingvaj tradukoj? Kaj kie oni povas libere kaj flue debati pri ĉiaj temoj sen tradukistoj? Kaj kie la publiko faras rektajn demandojn tuj post la parolado flue parolante al alilandanoj? Kie ekzistas rekta kontakto inter parolanto kaj aŭskultanto? Kie la diversnaciaj partoprenantoj povas serioze kaj gaje babili inter la kunsidoj? Kie la publiko atente aŭskutas la tutan tempon ĉar ili komprenas ĉion?

Kaj en la aliaj "altnivelaj" internaciaj kongresoj, ĉu tie ĉiuj atente aŭskultas? Ĉu ili komprenas ĉiun frazon? Ĉu tie multaj spontane parolas, aŭ ĉu ili legas preparitan paroladon (ofte preparitan de aliaj)? Vi scias la respondon. Do kiu meritas laŭdon? Ĉu ni ne devas helpi tiujn kompatindulojn?

Mi havas iele diabletan planon: Hontigu la ne-esperantistajn kunvenojn. Jene: Estu spiono! Ne ektimu. Ne politika spiono, sed spertulo, kiu kapablas penetri aliajn internaciajn kongresojn por bone observi ilin kaj fari filmon montrante, ke tie multaj ne bone atentas ĉar ili ne komprenas la parolanton, ke malmultaj kapablas fari spontanajn demandojn, ke ne ekzistas amika rondo inter la kunvenoj.

Samtempe, eble aliaj esperantistoj, faru filmon de Esperantaj internaciaj kongresoj, montrante paroladojn, debatojn, demandojn kaj respondojn, sociajn kunvenojn, teatraĵojn, kantojn k.t.p. Ankaŭ intervjuojn kun kongresanoj de diversaj profesioj, infanoj, maljunuloj, artistoj kaj sciencistoj.

Kaj nun profesia filmisto devas miksi filmojn, montrante AMUZAJN KONTRASTOJN.

Kaj tiam... tiun filmon ni devas montri ĉe la fino de pluraj ne-esperantistaj kongresoj. Tre diplomate ni devas peti permeson por eniri tiajn kongresojn, unue montrante al la organizantoj, ke nia celo estas helpi la kongresanojn por estontaj kongresoj. Unue oni eniru, bone rigardu ĉien kaj ĉiun. Trovu tiujn, kiuj ne bone atentas. Parolu kun ili, montru informfolietojn. Poste montru la filmon. Granda estos ilia surprizo. Promesu al la interesitoj organizi E-kurson. Klarigu, ke kun Esperanto ili povos profiti multe pli bone estontajn kongresojn.

Anstataŭ filmon vi povos fari vidbendon.

Por trovi kunlaborantojn por ĉi tiu plano, verŝajne vi povos uzi INTERRETON. Sukceson! •

# JOZEFO

*Carlos Drummond de Andrade*

Kaj nun, Jozefo?
La festo finiĝis,
la lumo estis estingita,
la personoj foriris,
la nokto malvarmiĝis,
kaj nun, Jozefo
kaj nun, vi?
Vi, kiu sennomas,
kiu mokas la aliajn,
vi, kiu verkas versojn,
kiu amas, protestas?
kaj nun, Jozefo?

Vi ne havas virinon,
ne havas kareson,
ne havas parolon,
jam ne povas drinki,
jam ne povas fumi,
kraci jam ne povas,
la nokto malvarmiĝis,
la tago ne venis,
la tramo ne venis,
la rido ne venis,
ne venis la utopio
kaj ĉio finiĝis
kaj ĉio forkuris
kaj ĉio ŝimis,
kaj nun, Jozefo?

Kaj nun, Jozefo?
Viaj dolĉaj vortoj,
via momento de febro,
via glutemo kaj fasto,
via biblioteko,
via or-mino,
via vitra kompleto,
via nekohereco,
via malamo kaj nun?

Kun la ŝlosilo enmane
vi deziras malfermi la pordon,
ne ekzistas pordo;
vi deziras morti en la maro,sed la maro sekiĝis;
vi deziras iri al via naskoloko,
la naskoloko ne estas plu.
Jozefo, kaj nun?

Se vi krius,
se vi ĝemus,
se vi ludus
vienan valson,
se vi dormus,
se vi laciĝus,

se vi mortus...
Sed vi ne mortas,
vi daŭras, Jozefo!

Sola en mallumo,
simile al sovaĝa besto,
sen teogonio
sen nuda muro
por apogiĝi,
sen nigra ĉevalo
kiu forkurus galope,
vi marŝas plue, Jozefo!
Jozefo, kien? •

Trad. *Rogério Ferreira*

# RAKONTO PRI HATIM TAI*

Hatim Tai posedis ĉevalon tiel rapida, kiel la matena vento. Pri tio la Sultano de Turkio estis informita.

Oni diris al la Sultano: "Neniu egalas al Hatim Tai koncerne afablecon; al lia ĉevalo nenio egalas koncerne rapidecon kaj manieron marŝi. Tiel, kiel barko sur la maro ĝi trairas la dezerton dume la aglo, laca, haltas malantaŭe."

-Mi petos tiun ĉevalon al Hatim – konkludis la reĝo -, se li estas vere afabla kaj ĝin donas al mi, do mi scios, ke lia famo estas ĝusta; sed, se male, li neos, la afero estas apenaŭ bruo de rompita tamburo.

La Sultano sendis komisiiton kun dek akompanantoj ĝis Hatim. Ili restas ĉe la araba estro, kiu preparas feston kaj mortigas ĉevalon honore al li **.

Je la sekvanta tago, kiam la komisiito klarigas la celon de sia misio, Hatim kun profunda ĉagrena mieno diras kun doloro:

-Kial? Kial vi ne tuj donis al mi vian mesaĝon? Tiun lertan ĉevalon mi rostis hieraŭ vespere, por ke ĉiuj vi ĝin manĝu. Mi ne havis alian rimedon por satigi vin, nur tiun ĉevalon, kiu estis apud mia tendo. Mi ne permesus, ke miaj gastoj dormu fastaj...

Li donis al la viroj monon kaj mirindajn vestaĵojn; kaj kiam la famo de lia afableco alvenis en Turkion, la reĝo miloble laŭdis al Hatim Tai.

* *Araba estro, fama pro sia grandanimo. Li vivis antaŭ Mahometo, em la 6-a jarcento.*

*** Viando el ĉevalo estis manĝata antaŭ ne longe en orientaj regionoj.*

*Saadi el Ŝiraz, La "Bustan" (Bustan, ĝardeno de fruktoj, en la Persa).*

El la hispana teksto esperantigis *Henrique Alan Kardec Mendonça.* •

# KARAJ LEGANTOJ DE BRAZILA ESPERANTISTO

Salutojn! De nun BEJO havas multe da novaĵoj por informi al Vi. BEJO en la lastaj monatoj estis (kaj estos) en profundaj ŝanĝoj de siaj strukturoj por pli bona funkciado, ne nur de siaj servoj (inter ili la eldonado de "Momenton!"), sed ankaŭ al pli ambiciaj planoj, kiel ekzemple la kontaktado al Ne Esperantistaj Junularaj Organizoj, kiu ĝis nun lamis miavide.

De 1996 BEJO restariĝis kaj "ordigis la domon", de tiam bonajn kaj malbonajn periodojn ĝi trapasis. La bonaj: konstruo de paĝo en la reto, memorlibro pri la 30 jaroj, reapero de "Momenton!", ĝia kongreso (kune kun BEL) en Curitiba, sed ankaŭ malbona fazo pasis en tiu ĉi jaro, kiel ekzemple la neapero de BEJO-paĝoj en nia Brazila Esperantisto, la anoncita (kaj ne okazinta) XX Kongreso de Campo Grande (vi legos baldaŭ pri tio).

Pro tio, pluraj ŝanĝoj okazis en la lastaj tempoj. Pri ili Vi legos en niaj leteroj nun, sed resume estas tio, ke de nun BEL centrigos ĉiujn aliĝilojn de nia asocio. Krom tio, ni klopodos iniciati kontaktojn al NEJO-j, kaj ankaŭ interŝanĝi spertojn kaj materialojn kun aliaj (amerikaj) frataj asocioj, speciale Argentejo.

Unu el la aferoj kiu certe frapatentigas nin, temas pri la okazigo de la Universala Kongreso en Fortaleza, aprobita de la estraro de UEA, por la jaro 2002. BEJO de longe revis pri la okazigo de IJK en nia terpeco. En la jaro 1981 UK estis realigita en Brasília. Tiam pro pluraj kialoj BEJO ne okazigis la IJK, kaj tiujare ĝi estis realigita en la meksika urbo Oaxtepec. Pro la sukceso de la LLK-anoj de Fortaleza en tiu nova projekto, BEJO nun sin demandas: ĉu eble BEJO okazigu ankaŭ Internacian Junularan Kongreson samjare? Bone, estas malfacile respondi nun tiun demandon, tio estas granda defio, pro tio de nun ni devas analizi kaj pristudi tiun projekton kaj ĝiajn implicojn al niaj laborfortoj. Estas necese diri, ke ni estas malfermaj al viaj ideoj kaj sugestoj, ĉu rete, ĉu letere. Ankaŭ grava estas via kontribuo al nia bulteno "Momenton", kun ĝiaj du numeroj jare, sed ni klopodu farĉi ĝin pere de via helpo kaj kontribuo.

Nome de la estraro

*Carlos Eduardo de Oliveira*
Prezidanto de BEJO

# PASPORTA SERVO *en Brazilo*

*Carlos Eduardo de Oliveira*
Landa Organizanto de PS

Karaj gegastigantoj kaj gevojaĝantoj

Salutojn! Bone, multaj novaĵoj aperis sur la kampo de PS. Unu el ili temas pri la nova PS/99. En la ĉi-jara eldono enestas 945 adresoj el 76 landoj. El Sudameriko, krom Brazilo, estas gastigantoj el Argentino, Ĉilio, Peruo kaj Kolombio. Oni povas mendi la venontan (2000) ĉe BEJO.

Eksterordinare la Landa Organizanto de PS en Brazilo ĉi-jare ne sendis la enketilon rilatan al la jaro 1998. Sed tion faris la Monda Organizanto, S-ro Derk Ederveen. Pro tio, indas respondi kaj resendi ĝin al li (aŭ al Landa Organizanto, laŭ via prefero). Bona afero estas indiki la erarojn kiuj eventuale aperis sur viaj adresoj.

Kara gastiganto, estas bone memorigi vin ke la respondiloj estis senditaj al ĉiuj gastigantoj por realiĝo por la venonta jaro.

Se vi ankoraŭ ne estas gastiganto kaj deziras tion fari, skribu al ni. •

# LA NUDA VIRO

*Fernando Sabino*

Je la vekiĝo, li diris al la edzino: -Aŭskultu, karulino: hodiaŭ estas la tago, en kiu ni devas pagi la partopagon de la televidilo. Certe venos la ulo kun la fakturo, sed okazas, ke hieraŭ mi ne portis monon de la urbo, do mi havas neniom.

-Klarigu tion al la viro – objetis la virino.

-Mi ne ŝatas tiajn aferojn. Tio aspektas iom fripona, mi ŝatas plenumi rigore miajn devojn. Aŭskultu: kiam li venos, ni restu silentaj ĉi-interne, ne bruu, por ke li pensu, ke neniu enestas. Lasu lin frapi ĝis li laciĝos – morgaŭ mi pagos la ŝuldon.

Iom poste, demetinte la piĵamon, li aliris la klozeton por sin bani, sed la virino jam ŝlosis sin tie interne. Dum li atendis li decidis pretigi kafon. Li almetis al bolado la akvon kaj malfermis la servopordon por preni la panon. Ĉar li troviĝis tute nuda, li atente rigardis de unu flanko al la alia antaŭ ol riski fari du paŝojn ĝis la paketo lasita de la panisto sur la marmoro de la balustrado. Estis ankoraŭ tre frue, neniu povus aperi. Tamen, apenaŭ liaj fingroj tusis la panon, la pordo, malantaŭ li fermiĝis klak-brue, impulsita de la vento.

En teruro, li kuris al la sonorileto, kaj post la sonorado, li restis atendanta, anksie rigardanta ĉirkaŭen. Li aŭdis de interne la akvobruon de la duŝilo interrompiĝi subite, sed neniu venis malfermi. Certe la virino pensis, ke jam estas la ulo de la televidilo. Li frapu per la fingr-artikoj:

-Maria! Malfermu ĉi tie, Maria! Estas mi – li vokis, mallaŭte.

-Ju pli li frapis, des pli da silento estiĝis tie interne.

Dume, li aŭdis de la malsupro la pordon de la lifto fermiĝi, vidis la montrilon malrapide supreniri laŭ la etaĝoj... Ĉi-foje estas la viro de la televidilo.

Ne estis! Rifuĝinta sur la ŝtupar-placeto inter la etaĝoj, li atendis ĝis la lifto pasis kaj revenis al la pordo de sia apartamento, ĉiam tenante en la nervozaj manoj la panpakon:



-Maria, bonvolu! Estas mi!

Ĉi-foje li ne havis tempon insisti: li aŭdis paŝojn sur la ŝtuparo, malrapidaj, regulaj, venantaj de malsupre... Trafita de paniko, li rigardis ĉirkaŭen farante pirueton, kaj tiel, senvesta, kun la pako en la mano, li ŝajnis ludi iun baleton groteskan kaj malbone elprovitan. La paŝoj sur la ŝtuparo alproksimiĝis, kaj li ne havis lokon por kaŝiĝi. Li kuris al la lifto, premis la butonon. Estis tempo sufiĉa nur por malfermi la pordon kaj eniri, kaj la servistino pasis, lant-mova, komencante la supreniron de unu plia aro da ŝtupoj. Li spiris kun facilo, viŝante la ŝviton de sur la frunto per la pan-pako. Sed jen la interna pordo de la lifto fermiĝas kaj ĝi komencas malsupreniri.

-Ha, nur ne tio! – diris la nuda viro, surprizita.

Kaj nun? Iu tie malsupre malfermos la pordon de la lifto kaj renkontos lin tie, senvesta, eĉ povus esti iu konata najbaro... Li rimarkis, embarasita, ke li estas kondukata ĉiam pli malproksimen de sia apartamento, li ekvivis veran inkubon de Kafko, establiĝis en tiu momento la plej aŭtomata kaj freneza Reĝimo de Teruro!

-Nur ne tio – li ripetis, furioze.

Li kaptis la pordon de la lifto kaj perforte ĝin malfermis inter la etaĝoj, devigante ĝin halti. Li spiris profunde, fermante la okulojn por havi la momentan iluzion, ke li sonĝas. Poste li provis premi la butonon de lia etaĝo. Tie malsupre oni daŭre vokis la lifton. Antaŭ io ajn: "Prema situacio: haltigi". Tre bone. Kaj kio nun? Ĉu ĝi supren-aŭ malsupren-iros? Tre zorgeme li ekmalfunkciigis la savhalton, delasis la pordon kaj dume insistis igi la lifton supreniri. La lifto supreniris.

-Maria! Malfermu ĉi pordon! li kriis, ĉi-foje bategante la pordon, jam sen ajna antaŭzorgo. Li aŭdis alian pordon malfermiĝi post li. Li turniĝis, timigita, apogante la postaĵon sur la klapegon de la pordo, kaj provante senutile kovriĝi per la pan-pako. Estis la maljunulino de la najbara apartamento:

-Bonan matenon, mia sinjorino – li diris, konfuzita. – Prezentu al vi, ke mi...

La maljunulino, terurita, ĵetis alten la brakojn kaj eligis krion:

-Dio gardu! La panisto nudas!

Kaj ŝi alkuris la telefonon por voki la radiopatrolon:

-Estas senvesta viro ĉi tie ĉe la pordo.

Aliaj najbaroj, aŭdinte la kriadon, venis rigardi kio okazas:

-Estas iu perversiulo!

-Vidu, kia hororo!

-Ne rigardu! Tuj internen, mia filino!

Maria, la edzino de la malfeliĉulo, fine malfermis la pordon por vidi kio fariĝas. Li eniris kvazaŭ raketo kaj vestiĝis senpripense, eĉ ne memorante la banon. Post kelkaj minutoj, kiam jam denove regis la ordo tie ekstere, oni frapis al la pordo!

-Estas kredeble la polico – li diris, ankoraŭ anhelante, kaj iris malfermi.

Ne estis la polico: estis la mon-ricevisto de la televidilo. •

Tradukis el "O homem nu", *Rogerio Ferreira*

# LA LASTA BRAZILANAĴO

El "Correio Brasiliense" 22/07/99 *de Luis Jorge Natal*

Prezidento Fernando Henrique Cardoso grumblis kiam li eksciis, ke la renkontiĝo de la ŝtatestroj de 49 landoj en la iama federacia ĉefurbo estus nomita "Cimeira do Rio de Janeiro". Laŭ la Prezidento "cimeira" ne estas vorto de brazila portugal-lingvo, sed vorto portugala.

La riproĉo de la Prezidento estus justa, se nia lando posedus politikon por defendi nian lingvon de fremdaj atakoj. Kontraŭe ne ekzistas ia ajn postsigno de tiu politiko, sed totala malrespekto de la lasta "flor-latina".

Strange aŭdi proteston pri vorto kiu, senrezerve, apartenas al nia idiomo. Aŭ ĉu ni ne plu parolas la portugalan?

Cetere, neniel oni aŭdis ian ajn proteston koncerne la plej arogantan kampanjon de la lastaj tempoj. Tiu de la t.n. "Personal Banking" de Banco do Brasil. Tio signifas, ke utiligi portugalan vorton de Portugalio oni ne rajtas, sed ĉiaspecaj anglismoj estas permesataj. Mi nek vidis, nek legis ion pri "Persona Banko" aŭ eĉ "Personiga Banko".

Sed ne, la senhonta komplekso de "sen-genealogia hundo" al kiu Nelson Rodrigues tiom aludis, ĉiam fanfaronas pli laŭte kaj ni akceptas tiujn idiotajn anglismojn.

Antaŭ ke iu defendanto de la dinamismo de vivantaj lingvoj pledu por la novaj esprimoj, mi deziras aldoni, ke ankaŭ mi konsideras la vivantan dinamikan lingvon submetitan al konstantaj ŝanĝoj. Sed mi ne povas akcepti, ke intence kaj sen ia gramatika kriterio nia lingvo estu submetita al simila masakro de stultaĵoj.

La teknologia evoluo devigas nin kunvivadi kun novaj terminoj.

Kvereli kontraŭ tio estus azenaĵo. Sed ankaŭ malfermi tiamaniere nian lingvon, pruvas definitive, ke ni estas simietoj.

Ni riskas nun forgesi nian lingvon kaj ne lerni alian. Iom post iom ni parolos ion similan al nenio, sen personeco, sen muziko, sen literaturo, sen poezio. Kaj sen poezio ne eblas!

Hodiaŭ, la menditaj varoj ne estas liveritaj en la domon, sed per "delivery"; popola restoracio estas "Self-Service"; japana manĝaĵo estas nun "japanese food" kaj ĉiu dom-konstruaĵo estas "tower" kun "garden", "gate", "windows", "hall", "fitness", kaj "swimming pool". Kaj de kie ni esperas ian reagon, estas ĝuste de kie alvenas nenio.

Ĉu vi scias, kiel estas difinita la ŝpar-sistemo por gejunuloj ĉe Banco do Brasil? Ĉu ne? La reklamo anoncas: "BB Teen" por adoleskantoj. Kaj nenio estas pli ridinda ol telefoni al publika instanco, kiu zorgas la konsumantojn kaj aŭskulti aliflanke iun voĉon, kiu pompe diras "bonvenon al GDF Call Center".

Ĉu vi opinias, ke temas pri ŝerco? Telefonu nun al 1514 en Brasília.

Definitive, kiel dirus la poeto el Ceará : Ili venkis kaj la semaforo estas fermita por ni". •

<u>Noto de la tradukanto</u>: El Berlino ni sendis konsol-mesaĝon al Luis Jorge Natal memorigante al li, ke ankaŭ Napoleono "preskaŭ" venkis trudante la francan al Eŭropo, sed lia revo dronis en Waterloo. Nuntempe ili ankoraŭ ne venkis kaj la semaforo estas verda por la lingvo de la espero, kontraŭ ĉiuj hegemonioj kaj por la defendo de la lingvaj rajtoj, ankaŭ de brazilanoj!

*Giuseppe Grattapaglia*

# INKUBSONĜO

Daniel Peliz

Ĉu vi kredas je fantomo? Ĉu vi kredas je luphomo? Kiu estus via reago se, plennokte, stranga "homo" atakus vin? Fantasta afero!

Ĉeesti en Esperanto-Kongresoj kaj Renkontiĝoj estas kutimo mia, ekde mia esperantistiĝo. Pasintjare, en Paraíba do Sul, malgranda kaj trankvila urbo de Stato Rio de Janeiro, kiel partoprenanto de ordinaraj esperanto-eventoj mi tranoktis en la domo de amiko mia. Surprizo okazis kiam, trankvile mi dormis sur komforta sofo en ĉambro de la domo kies enirejo estis antaŭ mi, protektita de ferpordo bone fermita. Ĉiuj jam sin akomodis kaj profunda silento regis en la tuta domo. Laca mi endormiĝis tuj. La domo restis malluma. Oni aŭdis nur brueton de la aŭtoj kiuj malofte preterpasis la straton for. Subite mi sentis min kaptita de stranga persono forta, kiu premegis mian gorĝon. Laŭtege mi ekkriis, vekiĝante tuj. Kun la okuloj nebulaj, timema mi ne sciis en kiu loko mi estis. Kaj la "fantomo" ne plu ĉeestis. Kiel fulmo ĝi malaperis. Mi konkludis, mi sentis, ke ĝi eniris tra la ferpordo antaŭ mi. Kiel? En tiu momento mi nur vidis la lumon pendantan el la plafono de la ĉambro. Rapide mi saltis de la lito kaj kuregis je la serĉo de akvo por trinki. Mia gorĝo estis seka. Kaj, do, mia dentaro? Mi sentis la mankon de la dentoj. Kio okazis? Insiste mi demandis al mi mem. Kiu volis strangoli min? -Ĉu vi ne aŭdis mian ekkrion? –mi demandis al



sinjorino kiu apude dormis en alia ĉambro.- Estis monstro ĉi tie... – mi balbutis. Sed la sinjorino neniun vidis, nek aŭdis ion ajn. -Kiu estis tiu stranga kaj malbela persono kiu provis strangoli min? –mi diris al ŝi. Sed ŝi ne sciis pri kio mi parolis. En tiu ĝusta momento alvenis mia amiko kaj du aliaj kolegoj kiuj estis for.

- Ĉu vi ne vidis? – ektime mi diris.
- Kion? – ili respondis.
- Strangulo kiu atakis min...
- Ĉu vere? Ĉi tie?...
- Jes, mi dormis... Kaj, mia dentaro? - mi ripetis tuŝante la buŝon. –Kie ĝi estas?

Mi direktis min al la sofo kaj sub la kovrilo mi trovis ĝin ĉe la kapkuseno.

- Mirinde! –mi ripetis. –Mi ne komprenas! Iu estis ĉi tie... Eniris tra tiu pordo kaj volis strangoli min.

Ili ridegis. Mia amiko kiu gastigis min ridante ŝercis:

- Ĉu estis luphomo? Ĉi tie, en Paraibo estas luphomo... Ofte li aperas... Kaj ĉiuj multe ridegis antaŭ mi.

Ĉi tiu epizodo vere okazis kaj ĝis hodiaŭ mi ne scias kiel mia dentaro subite malaperis el mia buŝo. Estis la plej stranga premsonĝo kiun mi jam travivis... ●

*Noto de kunredaktanto Gilbert R. Ledon.* Tiu simpleca kaj naiva rakonteto estas tre valora ĉar ĝi montras, kiel estiĝas en la homaj mensoj, ne nur la fantomoj, la luphomoj sed ĉiuj halucinoj kaj mistikaj sentoj al kiuj, la homoj tiel facile kredas. ●

# BR-EVENTOJ-KALENDARO POR JARO 2000

**EKOR**-Esperanta Kunfratiĝo de Okcidenta Regiono, Rua Cel.Agostinho 126,Fundos-Campo Grande,Rio de Janeiro, RJ.
**22/04/2000**: 6-a Trejnado por E-Instruisitoj.
**17/06/2000**:6-a Frata vespero kaj kamparana festo.
**07/10/2000**:AGO-TAGO
**19/11/2000**: 13-a E-Ren-kontiĝo de Okcidenta Regiono.

**36-A BRAZILA KONGRESO DE ESPERANTO**
12-16/07/2000: Petrópolis, RJ. Temo:"Esenco kaj estonteco de la ideo de Lingvo Internacia. Ĉu io aldonenda al la centjara tezo de Zamenhof?"

**2-a SUDORIENTA ESPERANTO RENKONTIĜO**
KAJ 22-a E-RENKONTIØO DE ŜTATO SAN-PAŬLO
14-15/10/2000 – Araraquara, SP. La 2-a SER konsistas el Ŝtatoj Rio de Janeiro, São Paulo, Minas Gerais kaj Espírito Santo.

# KIEL ONI DIRAS "BRASILEIRO" EN ESPERANTO?

*Paulo Amorim Cardoso*

Serĉu la vorton "brasileiro" en niaj vortaroj kaj vi ne trovos ĝin.

Prof. Geraldo Mattos en "Gramática Completa do Esperanto", paĝo 146 prezentas:

-ano = "membro"

brazilano = "membro do Brasil/ brasileiro"

Kaj la respektinda majstro pravas.

De longe mi pensas pri la problemeto kaj ŝajnas ke mi trovis la solvon kiu, laŭ mi, estas praktika kaj logika.

Legante la bonan libreton de nia kara Gilberto Ledon "Ikaro ne sonĝis", paĝo 9 Ledon diras: "Santos Dumont, brazilo, kiu vivis en Parizo..." En la sama paĝo: "Henrique Dumont, nepo de franco François Dumont kiu elmigris de Francio al Brazilio..."

Jen la solvo:

Kiu naskiĝis en Francio estas franco

Kiu naskiĝis en Ĉinio estas ĉino

Kiu naskiĝis en Brazilio estas brazilo

Do, mi povas diri: Mi estas brazilo ĉar mi naskiĝis en Brazilio, kies ĉefurbo estas la bela urbo Braziljo kaj Ledon estas franco ĉar li naskiĝis en Francio kaj samtempe li estas brazilano ĉar li vivas en Brazilio.

Ledon kaj mi estas brazilanoj ĉar ni vivas en Brazilio la granda lando de Sudameriko.

Ledon estas franco-brazilano.

Mi estas brazilo kaj brazilano.

Opiniu! Uzu la vortojn Brazilio, Brazilo kaj Braziljo en tiuj novaj sencoj. •

*Noto de redaktanto G.R.L.* Jes ni respektu la Fundamenton kaj la logikan distingon de Paulo A. Cardoso.Tamen laŭ tiu sama logiko oni devus diri braziliano kaj ne brazilano.

# INFANA KONGRESETO

*Isacir Andreoni*

Unue mi parolos pri mia agado dum la 35-a Brazila Kongreso de Esperanto.

Resti ĉe la "Kongreseto" estis granda plezuro kaj grava ebleco uzi ĉion kion mi lernis dum kelkaj jaroj, kiel instruisto kaj arta prizorganto ĉe la lernejoj ĜEZ (Ĝardeno Esperantista Zamenhof) kaj Scivojo, en Franka.

Bone, mi kredas ke la infanoj kaj adoleskantoj ankaŭ ŝategis tiujn tagojn en Kampo Granda... Tagoj plenaj je laboro, lernado kaj, tute certe, ĉiama ĝojego. Kiam la tempo por instrui kaj labori ne sufiĉas por disvolvigi grandan kaj fakan programon, mi kutimas prepari diversajn dinamikajn aktivecojn, speciale artajn, kiuj samtempe instruas kaj vivigas la lingvon en la infana universo.

Tiamaniere ni laboris en la Kongreseto. Ni, ĉiam kune, pentris panelojn, samtempe lernante, per Esperanto, kion ni pentris, kaj kreante historiojn pere de bildoj de ili mem faritaj. Ĉiuj infanoj, en la unua tago mem, faris siajn proprajn Esperanto-kajerojn, kie ili registris ĉiujn lernaĵojn kaj individuajn sentojn.

Ni ankaŭ faris "Falditan Albumon" kie la infanoj desegnis ĉiujn kolegetojn kaj skribis siajn adresojn kaj telefonnumerojn por, ekde infanetoj, disvolvigi E-korespondadon. Ni kantis kaj, ekde la unua momento, ni montris la gravecon de individua respondeco por disvastigi nian internacian lingvon ĉiam kiam ni povos, kaj arte estas agrabla kaj efika maniero fari tion. Do, ĉiu el ili decidis prezentiĝi, kaj tiel ni faris dum la arta vespero. Ni pretigis kajerojn kaj disdonis al la kongresanoj, ni ludis kaj promenis ĉiam parolante Esperanton, por montri la simplecon kaj naturecon de tiu ĉi lingvo. Mi pensas ke tiu ĉi estas la plej efika maniero instrui kaj lerni E-on! Ne per rigidaj skemoj, sed per natura uzado. Tiel, la infanoj ne starigas barojn, sed lernas simple kaj trankvile.



Mi kredas ke mi resume priskribis mian laboron ĉe la Kongreseto de la 35-a BKE kaj vi ne dubu ke mi ĉiam estas – kaj estos preta por labori cele al Esperanto. •

# HOMA IMUNIGADO

*Paulo S. Viana*



Antikva, saĝa penso rekomendas: pli bone preventi ol klopodi kuraci. Fakte, preventa medicino signifas plej prudentan medicinon. Imunologio tial fariĝas, tagon post tago, grava, rapide evoluanta fako, en kiu multaj progresoj lastatempe okazas. Sekve de tiu progreso, praktike malaperis en la mondo variolo kaj certe baldaŭ malaperos poliomjelito kaj eĉ morbilo. Al ĉiu prudenta homo interesu atenti pri tiu branĉo de medicino.

Kio estas "imunigado"? Niaj korpoj estas konstante kontaktantaj milojn, milionojn da mikroboj potenciale malsanigajn. Sana homo posedas defendojn kontraŭ ili – la ĉefa defendilo nomiĝas "antikorpoj": specifaj substancoj aŭ ĉeloj, kiuj atakas la agresanton kaj ĝin detruas. Se la defendaj substancoj fiaskas, tiam la homa korpo fariĝas infektita de la responda mikrobo. Imunigado estas rimedo, per kiu oni havigas al nia organismo antikorpojn kontraŭ iu potenciala malamiko.

"Pasiva imunigado" estas la havigo de jam pretaj antikorpoj al nia organismo: ekzemple, la patrina lakto transdonas tiajn specifajn antikorpojn al la bebo (natura pasiva imunigado); same okazas, kiam oni injektas artefaritajn antikorpojn en la pacienton (artefarita pasiva imunigado).

"Aktiva imunigado" okazas, kiam la organismo ricevas stimulon mem produkti siajn antikorpojn. Ekzemple, kiam iu mikrobo invadas nian korpon, kaj ĉi tiu produktas ilin spontane (natura aktiva imunigado); aŭ kiam oni injektas la mikrobon (modifita) kiel vakcinon (artefarita aktiva imunigado).

Ĝenerale oni supozas, ke nur infanoj devas ricevi vakcinojn. Tio estas grava eraro. Vere, infanojn oni rutine vakcinas kontraŭ tuberkulozo (BCG), difterio/kokluŝo/tetano, hepatito A/B, morbilo/parotidito/rubeolo (MMR), varicelo, poliomjelito, Hemophilus influenzae B (ofta kaŭzanto de inflamoj orelaj kaj gorĝaj), pneŭmokoko, gripo, flava febro, meningokoko.

Al plenkreskuloj oni oficiale rekomendas en Brazilo nur la vakcinon kontraŭ tetano (10/10 jaroj). Tamen, imunigado kontraŭ flava febro estas deviga en iuj regionoj; vakcino kontraŭ hepatito B (10/10 jaroj) montriĝas grava; vakcino kontraŭ gripo evitas multajn pulmajn infektojn (ĉefe ĉe maljunuloj) kaj malkapabligon por laboro; kaj multajn mortojn evitas vakcinoj kontraŭ rabio kaj kontraŭ pneŭmokoko.

Speciale al t.n. "imunodeficituloj" (suferantoj je aidoso, diabeto, misnutriĝo aŭ homoj devigataj enpreni iujn "pezajn" medikamentojn), la vakcinado multe helpas, kvankam ne ĉiu vakcino estas al tiuj sekura kaj efika.

Imunologio promesas multon por la estonteco: eble oni iam disponos pri vakcinoj kontraŭ malario, aidoso, leismaniozo, rotaviruso (plej ofta kaŭzanto de la grava, ofta infana lakso) kaj eĉ Alzheimer-malsano.

Tamen, ni ne fidu nur la medikamentojn, interalie ĉar ili atingas preventon de nur kelkaj el la multegaj eblaj atakemaj mikroboj. Ni ne forgesu, ke la naturo al ni disponigas efikajn rimedojn, se ni elektas sanan vivstilon: prudenta nutrado, konstantaj moderaj korpekzercoj kaj trankvila spirito havigas al ĉiu homo kompetentan imunosistemon kontraŭ plej multaj sanproblemoj. •

# VOĈOJ DE PIONIROJ

Esperantisto Gert Drucker havis la bonan iniciaton regravuri en KD (kompaktaj diskoj) la modelan voĉon de kelkaj pioniroj de Esperanto, kiel Zamenhof, Privat, Cseh, Sekelj, Lapenna, Baghy, kaj aliaj. Se la voĉo de Zamenhof estas iom stompita pro la tiama teknika kapablo la voĉo de Lapenna en sia retoriko estas klara kaj imitinda. Jen do valorega materialo por lernantoj, kluboj, same laŭ didaktika konsidero kiel por historia registro de nia movado.

La kvin KD estas haveblaj ĉe:

Gramophone Produtora de Audio .
e-poŝto
<gramofone@gramofone.com.br>
rua Curupis, 480. CEP 80310-200
Curitiba, PR
Unu KD kostas R$22,00 la kvin KD estas livereblaj per R$82,00.

# ANONCETOJ

**ĈU NI TROVOS KUNLABORANTON EN BRAZILO?**

Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista (IKUE) ligita al UEA kun sidejo en Romo (Via di Porta Fabbrien 15, I-00165 Roma RM, Italio) serĉas kunlaborantojn por la movadaj aferoj. Ni petas, interesantoj aliĝu ĉe la estrarano de IKUE, Inĝ. Jan Kalny, Libusina 8, CZ-37006 Ceské Budejovice, Ĉeĥa Respubliko.

**InfoSEL** – monata bulteno de Serbia Esperanto-Ligo
Ĉefredaktoro: Nedeljka Suboticx
esperanto@yubc.net
Komputila preparo Renato Petrovic' prenato@eunet.yu
Se vi deziras ricevi unufoje monate retan version de InfoSEL, sendu mesaĝon al esperanto@yubc.net kun la vorto "subskribu" en temlinio.
Ankaŭ povas kontribui al retbulteno InfoSEL – simple sendu viajn informojn al Esperanto@yubc.net kun la vorto "redaktoro" en temlinio.

**APERIS NOVA DISKUTKAJERO ZAMENHOF, HODIAŬ.**
Diskutkajeroj 3. Andrea Chiti-Batelli, itala lingvo-politikisto. Li argumentas por sia tezo, ke la E-movado devus transformiĝi en politikan movadon, por povi sukcesi sur politikaj forumoj kiel la Eŭropa Parlamento.
Diskutkajeroj estas serio de artikoloj pri aktualaj temoj, diskutindaj aŭ jam diskutataj en UEA aŭ en la E-komunumo ĝenerale. La opinioj de la aŭtoroj ne nepre estas tiuj de UEA.

**53-a SESIO DE IKU VOKAS PRELEGONTOJN**
En la 85-a UK en Tel-Avivo okazos la 53-a sesio de Internacia Kongresa Universitato, kie rajtas prelegi universitataj profesoroj aŭ personoj kun simila kvalifiko. Preleg-proponojn oni prezentu al la sekretario de UEA-komisiono pri IKU, prof. D-ro H.M.Maitzen (Endemanngasse 6-18/1/24, AT-1230Wien,Aŭstrio. Limdato por kandidatiĝi estas 15/1/2000. Regularon de IKU oni povas peti de UEA.

**HEJMA VORTARO**
Aperis HEJMA VORTARO. Vortareto de hejmaĵoj en Esperanto. Red. Jouko Lindstedt. Rotterdam: Universala Esperanto-Asocio, 1999. 63 p. ISBN 92 9017 065 4. 21 cm. Prezo: EUR 7,50. (Triona rabato ekde 3 ekz.) Aĉetante la vortaron oni subtenas la agadon de Rondo Familia, kiun UEA fondis en 1994, la Internacia Jaro de Familio, por kunligi esperantistajn familiojn.

**ASOCIO KOOPERATIVO-ESPERANTISTA**
Jen AKE-strategipropono por la *fina venko:*
Bonvolu aniĝi tuj al vialanda asocio por protekto de via gepatra lingvo. Se ne ekzistas tia asocio, bonvolu tuj krei ĝin. •

# EVENTOJ INTERNACIE

-"NATURPROTEKTADO KAJ VIVKONDIĈOJ"
Temo de la 53-a Argentina Kongreso de Esperanto, 8-11/10/99
En San Carlos de Bariloche en la Gastejo Los Notros.
Amikeca etoso regis dum la kongreso, naturriĉe elstara.

5-a KOLOMBIA KONGRESO DE ESPERANTO
Ibageo, 16-18/10/1999
Ĉeestis reprezentantoj el la urboj Armenia, Bogotá, Calarcá, Cali, Curitiba, Ibagué, Medellin kaj Tuluá. La kongreso estis sukcesa laŭ mezurilo pri semado, diskonigado, kultura kaj kleriga agado.

-"AMIKECA ESPERANTO-KONFERENCO"
*24-12/02/1999 – 02/01/2000*
e-poŝto kubesp@ip.etecsa.cu

KVINPETALO **2000**
Februaro, 15-19:Iniciado al E-o kaj praktikado por komencantoj
Aprilo, 11 - 15:Pri pedagogio
Junio, 1- 4:Botaniko studata tra la regiona flaŭro.

**OSIEK**
Internacia Esperanto-Konferenco 2000
"Multkultureco, multlingveco kaj kunvivado"
en Motovun (Istrio, Kroatio)
15-21/07/2000 •

# RENKONTIĜOJ

3-a SIMPOZIO DE ESPERANTO DE BELO HORIZONTE
1-a RENKONTIĜO DE LA E-KLUBOJ DE "MINAS GERAIS"
La temo estis "Esperanto en Lernejoj" kaj okazis la 18 kaj 19/9/99. La Minasa Bulteno citas la sloganon de: *"nomo por ĉiu asocio, Esperanto-Klubo por ĉiuj"*, laŭ la jam ekzistantaj en diversaj regionoj de la ŝtato: Granda Belo Horizonte, Nordo de Minas, Valo de la Ŝtalo kaj Minasa Triangulo.

E-KUNFRATIĜO DE OKCIDENTA REGIONO-EKOR
Rio de Janeiro, RJ
Raportas pri la okazigo de futbala turniro de teamoj en la 18-a de julio, kiam partoprenis 6 futbalaj teamoj, kiuj reprezentis 6 E-grupojn. La ludantoj kaj ĉeestantoj, ĉirkaŭ 80, kontribuis donacante nedifektiĝeblajn nutraĵojn, entute 150 kg por distribuo al karitata institucio. La turniro okazis ene de kazerno, de la Aeronaŭtika Ministerio.

RENKONTIĜOJ DE ESPERANTO DE GRANDA RIO
Okazas ekde 1994 kaj laste en oktobro-99: Ilha do Governador, la 17-an kun simpozio pri la temo "Kiel efike instrui E-on".

PARANAA E-RENKONTIĜO
De la 29-a ĝis 31-a/10/99 PEA realiĝis la 6-a ŝtata E-Renkontiĝo en urbo Pato Branco, ĉe Municipa Teatro Naura Rigon, kies ĉeftemo estis "Pli ol Lingvo, Idealo". Escepta okazaĵo estis ke por ĝenerala surprizo plinombriĝis ĉeeste la infanoj! Sepdeko da ( kontraŭ dudeko da plenkreskuloj) , kiuj interesoplene kaj diskretsintene akompanis ĉiujn erojn programitajn. Kompreneble estante gelernantoj de Esperanto en Lernejo Escola Estadual Bairro S. Roque do Chopim, aĝaj inter 10-15, kursantoj de la 5-a ĝis 8-a serio kun unu leciono semajne, de 45 mn, je 30-40 gelernantoj enklase, entute 120, kompleze la kunsidoj prelegaj estis pliparte en portugala lingvo. La kultura apogo fontis de loka firmao ATLAS, kies prezidanto Claudio Petrykoski entuziasme apogas Esperanton. Prelegis Prof. Geraldo Mattos, samideanoj Gersi A. Bays, Gert Drucker, Jorge Telles, geedzoj Grattapaglia kaj Ledon.

KULTURA FONDAĴO SIMPOZIO ESPERANTO-ASOCIO DE SANTA CATARINA
La 10-a Sudbrazila Renkontiĝo de Esperanto okazis de la 13-a ĝis 15-a de novembro/99 ĉe KFS, per agrabla kaj etosa programo, enkonduke de emfazaj salutvortoj de Prof. Evaldo Pauli. Pri BEL-aktiveco parolis la Prezidanto O. Pires de Holanda, kiu gvidis la Simpozion pri Strategio de Esperanto. "Babela Turo" estis teatraĵo sprite prezentata de la grupo Tria Jarmilo. La venonta SER okazos en jaro 2001 sub respondeco de Paranaa Esperanto-Asocio. •



Florianópolis
10-a Sudbrazila E-Renkontiĝo.
Maldekstre: Evaldo Pauli. Ivon Barbosa, Symilde Ledon.
Dekstre: unua Plano- Geraldo Mattos, Fr. Bertino Goerner, Maria Almada.



# DEZIRAS KORESPONDI

KAREL STROUHA
Ul. Kamenice, 114- Nachrod-1
547C1 Czech republik.

Jam relative longetempe mi klopode, kaj sensukcese serĉas korespondamikon (aŭ inon) en via bela lando, kiu tre interesas min. Ne trovante alian eblecon mi sincere petas vian helpon. Temo ne estas tiel grava sed lastatempe mi kolektas materialojn pri spicoj.

# DIVERSAĴOJ

**ESPERVOJO**
Sorokaba Esperanto-Klubo aperigis dulingvan eldonon E-o/Port., dumonantan gazeton, periodo nov./ dec. N-ro OO, elstare grafika prezento, dulingva. Espervojo@uol.com.br

**ALICO EN MIRLANDO**
"Alico en Mirlando" de Lewis Carrol estas libro, kiun legis milionoj da homoj en dekoj da lingvoj. Dank'al la traduko de Donald Broadribb, ĝi estas legebla ankaŭ en esperanto. Eldonejo "Bezonoj" aperigis ĝin aŭguste kiel la 8-an volumon en la populara libroserio "Mondliteraturo". Mendebla ĉe RU-620014,Jekaterinburg-14, p.k. 162.

**MONDA HORTIKULTURA FOIRO 1999**
Esperantisto "Jozefo Pasero" , el Duque de Caxias, RJ ricevos kune kun aliaj aŭskultantoj de Ĉina Radio Internacia, Esperanto-Sekcio, la duan premion konsistanta el bela metiartaĵo de la ĉina provinco de Yunnan, rilate al MHF-99, en la periodo de l-5 al 31/ 10/99. La unua premio, konsistis el vojaĝo kaj restado senpaga, dum du semajnoj en Pekino, la unua kaj la dua en Kunming, loko de la Foiro, estis gajnita ĝuste de E-aŭskultantoj, meze de plimulto de aŭskultantoj de la aliaj tridek sep lingvoj elsenditaj de Ĉina Radio Internacia. La alia esperantisto estis Hans Erasmus, nederlandano. Li estis intervjuita de E-redakcio de ĈRI, kune kun lia edzino, lia vojaĝakompananto.

**HILTON-PREMIO AL POR-AFRIKA AGADO**
La Humaneca Premio Conrad N. Hilton estis ĉi-jare aljuĝita al la Afrika Medicina kaj Esplora Fonduso. Temas pri la plej granda ne-registara sanorganizaĵo en Afriko. Ĝi okupiĝas en multaj landoj i.a. pri la rekonstruado de la sanservoj detruitaj de milito. Al la Hilton-premio apartenas monsumo de unu miliono da usonaj dolaroj. Laŭ iniciato de Kent Jones el Usono, UEA estis unu el la oficiale akceptitaj kandidatoj por la ĉi-jara premio.

**PEPO PAŜAS AL PLENA POSEDO**
La fama legolibro de William Auld, en la aŭtenta eldono aprobita de la aŭtoro, estas grafike finita ĉe LF-koop. Pepo, la birdo desegnita de Martin Markarian, estos la agrabla akompananto de unu paŝo al alia. Interkonsente kun Auld, la libro gardas 29 el la 30 originaj tekstoj, kaj proponas la artikolon "Super" de Hector Hodler, anstataŭ eseon pri jubilea jaro. •

# INTERNACIE

35-JARIĜO DE DISAŬDIGO DE ĈINA RADIO INTERNACIA
La Esperanta Disaŭdigo de Ĉina Radio Internacia aĝas jam 35 jarojn. Por ĝia jubileo ni okazigas en la 8-a de decembro,1999, kunsidon, aranĝos ekspozicion pri kontaktado kaj korespondado inter nia sekcio kaj niaj aŭskultantoj kaj faras specialajn programerojn pri la jubileado. Tiucele ni bonvenigas vian gratulan leteron, interretaĵon aŭ kasedon. E-Sekcio de Ĉina Radio Internacia.

MANIFESTO 2000
1. Respekti ĉies vivon. 2. Rifuzi perforton. 3. Liberigi larĝanimon. 4. Aŭskulti por interkompreniĝi. 5. Ŝirmi la planedon. 6. Reinventi solidarecon.

AFRIKANIO
Por legi la novan periodaĵon, oni vizitu la hejmpaĝon www.africnature.com/ esperanto htm

THORSEN-APOGO AL NAŬ ESPERANTO-BIBLIOTEKOJ
La UEA-estrarano pri kulturo Tacuo Huĝimoto, ĝenerala sekretario Michela Lipari kaj ĝenerala direktoro Osmo Buller dividis la ĉi-jare disponeblan sumo de 1825 eŭroj inter 9 petintoj. Ili ĉiuj ricevas librojn surbaze de siaj dezirlistoj. La subvenciiitoj estas:Barilochea Esperanto-Rondo, AR (EUR 275); Bona Espero, BR (EUR 250); Pernambuka Esperanto-Asocio, BR (EUR 275); Ĉina Esperanto-Biblioteko CN (EUR 225); Hejmoj, FR (EUR 275); Biblioteko Ramon Molera, ES (EUR 150), Vicenza Esperanto-Centro, IT (EUR 125); Esperanto-Klubo "Orstelo" de Tsaratanana, MG (EUR 125); kaj Esperanto-Klubo "Ora Pordego" de Kievo, UA (EUR 125).

# INTERNACIE

## 94-a KATOLIKA FOIRO EN HAMBURGO

31/05 ĝis 04/06 okazos la 94-a Germana Katolika Foiro kun pli ol 50.000 partoprenantoj., celante respondon al la demando: "Kiamaniere la tutmonda interna komunikado en la eklezio povas sukcesi pli bone?" Sekve unuafoje en la historio de germanaj katolikaj foiroj la organizantoj akceptis prelegon kun diskuto pri la perspektivoj de Esperanto kiel eklezia lingvo, kio signifas ĝojigan rekonon de la katolika Esperanto-movado. La prelego kun diskuto havos la titolon "Esperanto – ĉu la nova latino de la eklezio? La internacia lingvo servanta al kompreniĝo inter kristanoj el la tuta mondo", gvide de Ulrich Matthias, surbaze de lia preskaŭ samnoma germanlingva libro.

**LA LASTA KOMISIONO: OCEANIO**

Ekfunkcias Laborgrupo por starigo de la Komisiono pri Oceanio de UEA. La celo de ĉi tiu komisiono estas kunligi la kelkajn ekzistantajn esperantistojn en la pacifikaj insuloj kaj disvastigi Esperanton ankaŭ en tiun mondparton, kie ĝi apenaŭ estas konata. La landaj asocioj de Aŭstralio kaj Nova Zelando kunlaboras por ĉi tiu iniciato. Unua tasko de la laborgrupo estas kolektado de ĉiuj adresoj de esperantistoj loĝantaj en la pacifikaj insuloj.

**ANDAJ ONDOJ**

La oficiala ret-revuo de Kolombia Esperanto-Ligo "Andaj Ondoj" reaperis ĉi-foje rete, legebla ĉe http://members.tripod.com/Kolombia_Eo_Ligo/andajondoj/

**GRAVA REKONO DE LA KONGRESA MONDO AL UEA**

Nicola Raŝic, la Konstanta Kongresa Sekretario de UEA, estis invitita al la nove fondita Klientara Konsilio de ICCA, Internacia Konferenca kaj Kongresa Asocio. ICCA aktivas ekde sia fondo en 1963 kiel forumo de kunlaboro kaj spert-intersanĝo de organizantoj de internaciaj kongresoj kaj ekspozicioj. Ĝia sidejo estas en Amsterdam. Per la invito de KKS de UEA al la unua Konsilio ICCA rekonas la unikan sperton de UEA kiel organizanto de unu el la plej longedaŭraj regulaj eventoj sur la kampo de internaciaj kongresoj. En la klasifiko de ICCA la Universala Kongreso de Esperanto apartenas al la kategorio de grandaj kongresoj, de kiuj ĉiujare okazas nur kelkdeko.

**ILEI**

Spite al altigitaj kotizoj paralele kun transiro al plenkoloraj kovriloj, la abonnombro en 1999 superis tiun de 1998. Brazilo elstaras: BEL abonigas sian tutan membraron. Pli ol 1000 el la nunaj 1900 venis el tiu landego. (El Gazetara Komuniko de ILEI).

**BELARTAJ KONKURSOJ DE UEA EN 2000**

La gvida Esperanta artkonkurso, la Belartaj Konkursoj de UEA invitas partoprenantojn por la 51-a fojo. La rezultojn oni anoncos en la 85-a UK en Tel-Avivo.
Partopreno estas libera al ĉiuj kaj ne ligita al partopreno en la UK. La konkursaĵoj devas esti novaj kaj, escepte de la infanlibroj, antaŭe ne publikigitaj.
Detala regularo haveblas por unu respondkupon ce UEA.

**PERUA ESPERANTO-BULTENO**

Numero 001, Oktobro 1999, Jaro 1, Lima-Peruo. http://www.geocities.com/amikoj/imagen1.jpg ●

# MOVADO

### NOVAĴOJ EL ALTO PARAÍSO

La 7-n de septembro 1999, laŭ la devizo "Nia Patrujo estas la mondo", la esperantistoj de Alto Paraíso, GO inaŭguris la "Avenuon Esperanto", je ĉeesto de la prezidanto kaj vic-prezidanto de BEL, de la urbestro kaj aliaj lokaj aŭtoritatuloj. Dum la



ceremonio, la infanoj de Bona Espero prezentis kantojn en Esperanto. La avenuo estas la ĉefa strato de KvartaloNovo Horizonte kie situas la urba sidejo de Bona Espero, konstruita por gastigi la gejunulojn, kiuj lernas en la urbo.
La 24-an de oktobro estis inaŭgurita la monumento al la Paco, konstruita sub la aŭspicioj de la Rotaria Klubo de Alto Paraíso. "Ke la Paco regu la Mondon" estas la surskribo en Esperanto kaj portugala lingvo, kiu aperas sur la monumento. ●

# VOJAĜNOTOJ DE BRAZILANO EN BJALISTOKO

*James Rezende Piton*

Iri al Pollando kaj ne viziti Bjalistokon por mi estus la movada ekvivalento de konata esprimo. "iri al Vatikano kaj ne vidi la Papon". Ne pro ia kulto al Zamenhof, sed pro la simbola – ĉu folklora? – signifo de la tiama plurlingva urbo en lia posta verko. Tia, en libera semajnfino dum profesia vojaĝo, mi iris 200 km en nordorientan Pollandon.

La unua vidaĵo de la urbo el la nokta trajno: *Makro* kaj *McDonald's*, nur specimenoj de la kutimaj glavoj profiton soifantaj. Bjalistoko impresis al mi kiel urbo kun tre vigla komerco. Ĉiuspecaj vendejoj kaj servoj, ĉie en la urbocentro, foje eĉ tro amasigitaj laŭ mi. Oni klarigis, ke tion oni ŝuldas al la landlimo, je nur kelkdek kilometroj. Efektive mi rimarkis litovajn kaj bielorusajn aŭtojn sur la stratoj.

Pluraj lokoj memorigas pri Zamenhof. Granda busto sur placo, hospitalo, lernejo kaj E-Fonduso. En la lasta mi renkontiĝis kun multjara amiko Stanislaw Mandrak, nuntempa prezidanto de PEA-Pola Esperanto-Asocio, kiu troviĝis en la urbo. Kompreneble mi vizitis straton Zamenhof, sed malfacilas imagi ĝin antaŭ 140 jaroj. El ĉiuj konstruaĵoj, novaj kaj malnovaj, restas nur unu ligna domo, kiu povus iel aspekti kiel lia naskiĝdomo en tiama strato *Zielona* (Verda!). Sur la efektiva loko troviĝas nun nebela kelketaĝa loĝejo kaj sur la muro dulingva memortabulo. Mi legis, ke la antikva ligna domo estis malkonstruita en 1958, malgraŭ protestoj.

Kiel paŭzo en mia programo, mi decidis iri al kinejo pro ĵus inaŭgurita sezono de "*Dworzec Nadziei*", kiu tradukiĝas kiel "Stacidomo Espero". Des pli kun tia titolo, ne eblus pli taŭga filmo en Bjalistoko Mi maltrafis tiun filmon en Brazilo, do kial ne spekti ĝin kun tekstoj en la pola? La leganto eble povas diveni, ke *"Dworzec Nadziei"* estas nia premiita brazila filmo "Central do Brasil". Vere tre probable, mi estis la sola spektanto, kiu tiusesie ĝuis la originan paroladon. En iu momento de la filmo poloj legas sur la ekrano *"Ulica Esperanto W Casacadura"*. Dum ĉefrolulo Dora (Fernanda Montenegro) petas taksiston veturigi ŝin hejmen, la bjalistoka spektanto ekscias, ke ankaŭ en Rio, ĉe kvartalo Kaskadura, ekzistas ZEO (Zamenhof/Esperanto-Objekto).

Hazarde mi tie trovis ankaŭ unu el miaj preferataj matendimanĉaj programoj. En brokantaĵfoiro mi akiris por mia kolekto malnovajn sovetajn poŝtkartojn, el la jaro 1939. Surdorse, ĉio presita ruse, krom E-teksto "Poŝta Karto", kiu uziĝis dum jardekoj kaj sur milionoj da ekzempleroj. Surprize, sur la bildo, pentraĵo ruse titolita "Kamarado Stalin ĉe Rionges". Tio estas nomo de kartvela rivero, samkiel kartvela estis la "kamarado" mem. Tiu ĉi, uniformece per blanko vestita, staras meze de laboristoj, kiuj (la iloj ankoraŭ enmane...) ĵus konstruis grandan transriveran betonan ponton. 1939! Tio pruvas, ke la "kamarado" ne malfavoris Esperanton, nur esperanto-parolantojn, kiujn li jam de jaroj insistis arestigi kaj eĉ ekstermigi sub klasifo de "kosmopolitoj". Eĉ povas esti, ke li ja entute malfavoris Esperanton, kaj tiukaze neniu soveta burokrato rimarkis, ke tiu lingvo estas tre malpermesinda.

Grandaj parkoj kun arboj je flaviĝantaj folioj – aŭtunas jam – ricevas multajn vizitantojn. Palaco Branickich havas ducentjaran ĝardenon iam konatan kiel "Pola Versajlo". Kvankam nun oni bezonas reformi ĝin, la ĝardeno plu imponas. Tie mi unuafoje sentis min mizere vestita, ĉar preskaŭ ĉiuj tre formale, eĉ elegante sin prezentis. Mi vidis surstrate cepovendistinon vestitan kaj ŝminkitan kvazaŭ ĉiaj legomoj estus juveloj! Por ne diri pri la rimarkinda beleco de averaĝa polino.

Por konstati, ke Pollando plej katolikas, sufiĉas dimanĉa vizito. Pri tio ne lasas dubon la centoj kaj centoj da homoj, kiuj foriras el la bjalistoka katedralo je la 10-a matene. Sed ne nur tio, dum la tuta dimanĉo mi vidis amasojn, kiuj eniris kaj eliris el ĉiuj preĝejoj, ĉiuj en siaj dimancaj vestoj. En unu el tiuj, sufiĉe granda homamaso ĉe la du enirejoj spektis meson, de ekstere, en vespera duonlumo. Refoje mi rezonis, ke tute juste oni elektis polon por la posteno de episkopo de Romo, post kvarjarcenta serio da italoj. La leganto povas kalkuli kiel la Papo estas adorata en sia naskiĝlando. Mi vidis statuojn, avenuojn, muzeon, revukolektojn kaj vidbendojn je la nomo Johano Paŭlo la II-a!

Mia amiko s-ano Gielert, el Olsztyn, rakontis al mi, ke oni plu konstruas preĝejojn tra la lando. Sub komunismo en Pollando la funkciado de Katolika Eklezio estis relative libera kaj ĝi signife rolis. Sed al Partiestroj aŭ aspirantoj certe tiam ne konvenis montriĝi en meso.

Rapide venis tempo iri al fervoja stacidomo kaj diri *"do widzenia"* al Bjalistoko. Aŭ, kiel preferus diri ties plej fama filo, "ĝis revido". •

# EL BRAZILIO

## TAGUATINGA OKAZIGAS SIAN 2-an ESPERANTAN RENKONTIĜON SUKCESE

Je la 12-a de Septembro, en la aŭditorio de la urba administrejo okazis la 2-a Esperanta Renkontiĝo de Taguatinga. Ekis la evento je la 10-a, estante surpodie S-ro Eurípedes Alves Barbosa, Prezidanto de TEK (Taguatinga E-Klubo), S-ro José .Dorini Ramos, Vic-Prezidanto de BEL (Brazila Esperanto-Ligo) kaj S-ro Lício de Almeida Castro, Prezidanto de EAB (E-Asocio de Brasília). Post la tradiciaj salut-mesaĝoj, la ceremoniestro, S-ro José Maria Duarte de Oliveira, invitis la venkinton de la konkurso pri redaktado, la adoleskanto Francisco Maciel Luiz de Souza Barros, por ricevi la aljuĝitan premion. Poste prelegis D-ro Roberto Rezende pri la temo Esperanto ĉe la Aktualeco". Je la tagmezo, en la restoracio "Pabem" (manĝu bone) la renkontantoj kunvenis por la kunfratiĝa tagmanĝo. Je la 2-a posttagmeze komenciĝis la arta parto. Regalis la ĉeestantaron jenaj muzik-grupoj: Grupo Nova Lumo, Bando Merlin, Tripo Espero, Flávio Fonseca, Nova Erao kaj Álvaro Luiz Rodrigues Dias. Dumpaŭze en la arta prezentado, la samideano Flávio Cimonari Rebello de la urbo San-Paŭlo, parolis pri sia projekto Samarkando"- plansetlejo, kies unua antaŭvidota lingvo estas Esperanto. La interesatoj en la Projekto povos skribi al S-ro Flávio, kies adreso estas Avenida Vila Ema, 4060 – Bloco B – apto.123 – Vila Ema, São Paulo, SP. 03282-001.

Je la 6-a finiĝis la renkontiĝo kaj tiam ĉiuj, kiuj ankoraŭ restis ĉe-loke, kantis la esperantan himnon "La Espero". La 3-a Renkontiĝo okazos je la 17-a/9/2000. •



*Grupo Nova Erao*



*Junuloj ĉe HALLEL*

ESPERANTO EN KATOLIKA FESTO

En la Ekspozici-kaj-Foir-Konstruaĵo de la Parko de la Urbo de Brazilio, la ĉefurbo de Brazilo, je la 18-a de Septembro 1999, okazis la 4-a HALLEL – SONO KAJ VIVO. HALLEL estas konsiderata unu el la plej grandaj eventoj de la Katolika Eklezio. Laŭ kalkulo de Polica Korporacio de Federa Distrikto, vizitis la fest-lokon proksimume 50000 homoj. HALLEL estas hebrea vorto signifanta laŭdado kaj glorado al la Dia Grandeco pere de muziko. Krom evangeliigo kaj kunfratiĝo, HALLEL celas allogi la gejunularon al la Katolika Eklezio. Iniciate de la juna esperantisto kaj instruisto Edvaldo José Antunes Júnior, Esperanto partoprenis en stando nomita "AD GENTES", spaco antaŭe rezervita por okazigo de religiaj liturgioj ali-lingve nome angla, esperanta, franca kaj hispana. Ekzempleroj de la Sankta Biblio en la menciitaj lingvoj estis ekspoziciitaj kaj Mistero de la Rozario estis recitita en Esperanto. (Vidu foton pri la okazintaĵo ĉi-paĝe). •

# MOVADO

Fondita en la jaro 1954, Ilhéus Esperanta Grupo ĉiam evidentiĝas pro sia agado helpe al disvastigado de esperanto kaj elstarigo urba kiel lando de Esperantujo. Antaŭ 18 jaroj estis inaŭgurita la strato Esperanto, kies antaŭa nomo estis Rua do Cano. 14 jarojn poste ni sukcesis starigi la buston de Zamenhof, kiam Prof. Sylla Chaves partoprenis la aferon kune kun Itabuna Esperanto-Asocio kaj esperantistoj de najbaraj urboj.

# AL PETRÓPOLIS !

# KONGRESA CIRKULERO N-ro 1

(La 30-an de Septembro 1999)

**36-a Brazila Kongreso de Esperanto, 12-16-07/2000-Petrópolis, RJ**
Temo: Esenco kaj estonteco de la ideo de Lingvo Internacia. Ĉu io aldonenda al la centjara tezo de Zamenhof?"
**BRAZILA ESPERANTO-LIGO** plezure invitas vin partopreni la plej gravan eventon de la brazila movado en la jaro 2000. Ĝi okazos inter la 12-a kaj 16-a de Julio, en la historia kaj ĉarma urbo Petrópolis, kie antaŭ naŭdek jaroj bravaj pioniroj entuziasme efektivigis la 3-an Brazilan Kongreson de Esperanto (12-15 de Majo 1910!). Sendube Petrópolis estas taŭga loko por rememori pri la pasinteco kaj plani pri la estonteco de nia movado. Ŝajnas al ni, ke analizado de la tezo "Esenco kaj Estonteco de la ideo de lingvo internacia", verkita de Zamenhof kaj prezentita de Markizo de Beaufront antaŭ la "Association Française pour l'avancement des Sciences", en la jaro 1900 neniam fariĝos superflua.
Jen do invito al nia kongresanaro festi la centjariĝon de tiu gravega tezo pere de serioza studo pri ĝia enhavo kaj posta prezento de diskonigota kongresa rezolucio. Pri la ceteraj programeroj vi trovos informojn en aliaj cirkuleroj. Tamen, ne timu, ĉar tutcerte ne mankos altnivelaj artaj vesperoj, turismaj aranĝoj, kursoj, variaj prelegoj, fakaj kunsidoj ktp.
Se vi intencas aktive partopreni nian kongreson, nepre sendu al la sekretario de la LKK, ĝis la fino de la kuranta jaro, perrete (schanuel@compuland.com.br) aŭ perpoŝte (trav.Henrique Perdigão, 167 – 25665-090, Petrópolis-RJ), mesaĝon kun detaloj pri via eventuala kontribuaĵo.
**PRI LA URBO-Situo**: Petrópolis situas en la supro de montara regiono de Ŝtato Rio de Janeiro. Ĝi estas ĉirkaŭata de jenaj municipoj: Sapucaia, Miguel Pereira, D.Caxias, Magé, Teresópolis, Três Rios, Paraíba do Sul kaj Vassouras. **Enloĝantoj**: 300.000. **Alteco**:809 m. **Klimato**: la temperaturo ĝenerale estas milda, varianta inter 14°C kaj 23°C. Dum vintro, oni nepre bezonas uzi varmigajn vestaĵojn. Ordinare, dum la nokto la temperaturo draste malaltiĝas. **Distanco**: Teresópolis (62 km), Rio de Janeiro (67 km), Juiz de Fora (148 km), Belo Horizonte (400 km), São Paulo (460 km), Vitória (550 km).
**VETURO**: La ĉefa ŝoseo kiu preterpasas la kongresurbon estas la bonega BR-040, liganta la urbojn Rio de Janeiro, Juiz de Fora kaj Belo Horizonte. Pluraj omnibusaj entreprenoj regule veturigas pasaĝerojn, kiuj translokiĝas inter Petrópolis kaj la jenaj urboj: Rio de Janeiro, Juiz de Fora, São Paulo, Belo Horizonte, Salvador, Brasília kaj Anápolis. Ĝisdatigitaj detaloj pri tiaj eblecoj aperos en venontaj cirkuleroj.
**LOĜADO**: Kompreneble, la LKK klopodos organizi komunan loĝejon por la unuaj aliĝintoj, kiuj indikos tiun opcion en la aliĝilo. Pri hoteloj kaj restadejoj, estas tro frue por dissendi ĝustajn informojn.
**ALIĜO**:Akompanas ĉi-tiun cirkuleron aliĝilo kun informoj pri prezo, limdatoj kaj diversaj opcioj. Tuj plenigu kaj resendu ĝin al BEL-sidejo kun trastrekita ĉeko, nome de "Liga Brasileira de Esperanto". (Eblas pagi per depono en la konton n-ro 402.706-X, ĉe Banco do Brasil, agentejo 0452-9. Ĉi-kaze nepre sendu la kopion de la deponkvitanco kune kun la aliĝilo). Sed atentu pri la limdato. Se via aliĝilo alvenos post la limdato, ni konsideros tiun, kiun la poŝto stampos sur la koverto. Ankaŭ atentu pri la ege favoraj kondiĉoj ofertitaj al anoj de BEL aŭ de BEJO kaj laŭeble diskonigu tiujn avantaĝojn al viaj amikoj. Finfine, bonvolu konsideri la eblecon aliĝi al la 36-a BKE, eĉ se vi ne intencas aŭ ne povas partopreni tiun neforgeseblan eventon. La sukceso de iu ajn kongreso dependas de pluraj faktoroj. Unu el ili estas la disponeblaj financaj rimedoj devenantaj de aliĝkotizoj. Kore salutas vin

*D-ro Osvaldo Pires de Holanda, Prezidanto*

BRAZILA ESPERANTO - LIGO

# DEZIRAS



***Feliĉan kaj prosperan Novjaron 2000 al ĉiuj kaj dankas pro ricevitaj salutoj !***



***Ĉu tiu amaso da adoleskantoj, kiuj lernas Esperanton, en Pato Branco - PR - Fariĝos fervoraj disĉiploj de Zamenhof aŭ eternaj krokodiloj? ( vidu paĝon 18 kaj 4 )***




CAIXA POSTAL 269 - BR - 12460-000
CAMPOS DO JORDÃO/SP - Tel./Fakso - (012) 262-1983



**BRAZILA ESPERANTO-LIGO**

Caixa Postal 03625
BR-70084-970 - Brasília (DF)
Telefono (061) 226-1298 - Fakso (061) 226-4446